XXVI-a jaro. — N° 356 (4). Monata Aprilo 1930.

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.



## VARBI KAJ KONSERVI

Ĉu ne la poeto Vigny diris, ke historio estas longa parolado, en kiu reprezentas ĉiu partoprenanto unu ĉefan ideon ? Tiun koncepton oni povus eĉ apliki al la evoluo de nia movado pensante, ne nur al nia Majstro, kiu apartenas jam al historio de la homaro, sed ankaŭ al tiuj pli aĝaj pioniroj, kiuj preparis nian nunan laborkampon.

Jen la morto forrabis la energian organizinton kaj bonfarinton de Esperanto, Generalon Sébert, pri kies agado eĉ pluraj ĉapitroj en nia historio neniam atestos sufiĉe. Jen la vivo konservas la fervoran defendanton de nia lingva unueco kaj disciplino Profesoron Cart, kies 75 jarojn hodiaŭ festas la Lingva Komitato.

La fakto, ke ili foje batalis inter si aŭ kun UEA pri malsamaj labormetodoj neniom malgrandigas la decidan rolon, kiun ambaŭ ludis por la bono de nia afero en malfacilaj horoj de l'antaŭmilita tempo. Tiam ĉiuj sentis sin unuigataj en la klopodo, kiel hodiaŭ en la danka rememoro.

Kaj jen pasis ĝuste dek jaroj de la malgaja tago, kiam nia revuo perdis sian fondinton Hector Hodler. Ĵus estis finita la terura tragedio de la mondmilito, dum kiu li « pie gardis la sanktan fajron » kaj savis nian aferon kaj nian idealon el la ĝenerala drono.

Kia estis la ĉefa ideo de tiu junulo-filozofo kreante per UEA kaj per tiu-ĉi gazeto novan tradicion en Esperantujo ? Li volis ebligi al nia lingvo tuj ludi sian rolon kaj utili per uzo, ne atendante la faman « finan venkon », kiun li ne antaŭvidis proksima. La antaŭa generacio klopodis por varbi esperantistojn, Hodler laboris por ilin konservi.

Post lia morto kaj la fino de la mondmilito, necesis repreni ambaŭ taskojn kune. La tuta estonteco de nia movado dependas de nia kapableco ekvilibri tiujn du fundamentajn kolonojn de nia kreskanta konstruaĵo.

Nia ideo, parenca kun la Hodlera, ĉiam estis konsideri Esperanton kiel *vivantan lingvon*. Sed nenio vivas sen nutraĵo. La plej nobla cervaro malgrasiĝas, se ĝi ne ricevas herbejon por paŝti. Tio estis ĉefa motivo por organizi teknikajn konferencojn kaj somerajn universitatojn : havigi al Esperanto parolkampojn ekster ĝi mem. Kaj certe internaciaj kunvenoj estas pli vivigaj ol prelegoj.

Sed, krom la parola kampo, ekzistas ankaŭ la skriba. La esperantistoj estas ne riĉaj. Ili aĉetas malvolonte librojn. Tio estas unu el la ĉefaj malrapidigaj baroj, ĉar la sukceso de lingvo dependas grandparte de ĝia literaturo, kiu siavice dependas de la eldonistoj, kiuj... dependas de l'aĉetantoj.

Konstatante tiun fakton, ni volus almenaŭ pli profitigi la legantojn de tiu-ĉi gazeto kaj pliriĉigi ties enhavon sur la kampo de internacia kompreno kaj homara kulturo. Tio postulas kreskon de la ne-oficiala parto kaj malkreskon de la « interna », kio estus pli facila, se oni mallongigus « alvokojn » ktp.

Hodler prave diris, ke la sorto de nia lingvo estas intime ligata kun la starigo de paca ordo internacia. Tial ni ne nur riĉigos la enhavon de nia lingvo, sed ankaŭ helpos ĝian sukceson mem, se ni ĝin uzos por kulturi reciprokan komprenemon inter civilizoj kaj anstataŭon de perforto per edukado.

Edmond PRIVAT.

# OKCIDENTO KAJ ORIENTO

## Vekiĝo de Hindujo

Kiam Okcidentanoj pensas pri Hindujo, ili devas imagi ne landon, sed kontinenton. Kun siaj 320 milionoj da loĝantoj, ĝi egalas al Eŭropo sen Ruslando. La plej granda parto de tiu vasta teritorio formas la tiel nomatan Britan Indion, sed la resto, kun 1/3 de la tero kaj 1/4 de la loĝantaro, konsistas el kvincento da etaj ŝtatoj, regataj de hindaj princoj.

Pli ol 90 % de la homoj estas kamparanoj. En la grandurboj ne ekzistas pli ol 1 ½ miliono da fabrikaj laboristoj. Anglaj statistikoj montras 22 milionojn da homoj sciantaj legi.

Kvankam la intelektaj klasoj loĝas plej parte en urboj, tamen la ekonomia situacio estas tia, ke la ĉefa problemo tuŝas kamparon kaj sorton de vilaĝanoj. En la nuna momento almenaŭ sesdek milionoj da ili vivetas en konstanta nesato, inter mizero kaj morto.

Ilia kamplaboro ne okupas ilin dum tuta jaro. Dum pluraj monatoj regas senlaboreco kaj rapida formanĝo de provizoj. Siatempe la vilaĝanoj havis tre florantan hejmindustrion. Hindaj teksaĵoj estis famaj tra la mondo.

Nuntempe la kamparanoj kulturas kotonon, kiu veturas eksterlanden, kaj revenas en fabrikitaj fadeno kaj ŝtofoj. Tio estas la plej grava plendo de la Hindoj, ke « oni forprenis de ili laboron kvazaŭ panon el la buŝo ».

La kelkaj fabrikoj en Bombay aŭ Ahmedabad ne sufiĉas por doni laboron al milionoj. Ĉar la Hindoj ne posedas la politikan povon, ili ne povas starigi doganan barilon por sin protekti [1].

Tial la movado de Gandhi ekkreis kvazaŭ religian barilon: fariĝas honto por bona Hindo aĉeti fremdajn ŝtofojn kaj fiero vestiĝi per *Khaddar*, la hejma teksaĵo, eĉ se kruda.

Samtempe agemaj kluboj revivigas en vilaĝoj la kutimon ŝpini kaj teksi mem sian kotonon. Tiamaniere, dum la senlaboraj monatoj, kamparanoj povas iomete gajni kaj ne tiom malsati. Iom post iom tiu movado kreskas, malgraŭ tio, ke multaj ankoraŭ ne kredas je ĝi.

Por doni la ekzemplon, Gandhi kaj liaj amikoj faras al si devon ŝpini mem certan tempon ĉiutage, eĉ dum interparoloj aŭ kongresoj. Kiu, en Okcidento kapablas nur moki pri tiaj aferoj, tiu simple montras sian plenan nescion kaj ne komprenon pri hinda psikologio.

En industria Eŭropo belaj etikaj principoj de amo, solidareco k.t.p. estas priparolataj dimanĉe matene kaj ĝenerale forgesataj aliajn tagojn en rapideco de l' vivado. En Hindujo ili kaŭzas profundan pripensadon kaj sinoferajn decidojn eĉ en detaloj de la vivo.

Ne nur Hindoj kredas je la frateco inter homoj kaj bestoj. Ankaŭ multaj Eŭropanoj. Tamen ili manĝas viandon kondiĉe, ke iu alia faru la buĉadon por ili. Vegetaranoj ŝajnas al ili esceptaj stranguloj. En Hindujo milionoj da homoj sin detenas de viandomanĝo por ne partopreni kaj ne instigi je buĉado de vivantaj estaĵoj.

Jam dum kvina centjaro antaŭ Jesu-Kristo la sama sento kaŭzis la proteston de Budho kontraŭ oferoj de ŝafoj sur templaj altaroj. La kutimo preskaŭ ĉie malaperis. En la malmultaj lokoj, kie gi ankoraŭ persistas, hodiaŭ publika opinio hinda pli kaj pli kondamnas ĝin.

Antaŭ kelkaj monatoj aperis en *Revue des Deux Mondes* rakonto de eminenta vojaĝanto, kiu serioze asertis, ke: « La Angloj postulis, ke oni anstataŭ homajn infanojn per ŝafoj por tiuj ceremonioj. » Jen tipa ekzemplo de nescio kaj kalumnio kontraŭ aliaj popoloj. Neniu informita Anglo akceptos tian aserton. En Okcidento la keltaj prapatroj de la hodiaŭaj Eŭropanoj ankoraŭ dum centjaroj oferis homojn sur siaj altaroj dum iliaj ariaj samrasanoj en Hindujo rezignis je tiu sistemo jam longe antaŭ ili.

Ĉiu balau antaŭ sia pordo! Se ankoraŭ kelkaj needukitaj hindaj pastroj oferas ŝafojn al Dio, ili eble indignas pri la grandaj buĉadoj de senkulpaj bestoj, kiujn Eŭropanoj organizas, ne por Dio, sed nur por siaj tagmanĝoj. Eble ankaŭ ili miras pri la oferbuĉadoj de milionoj da junaj viroj, kiujn Eŭropanoj organizas pro ŝovinismo, eĉ kun templaj benoj ambaŭflanke!

Cetere, antaŭ ol kritiki aliajn naciojn, estas ĉiam urĝe rigardi ĉe si mem. Tio helpas kompreni pli simpatie kaj indulge najbarojn. Sed estas ankaŭ urĝe iom ekkoni ilin. Okcidentanoj legis avide la libron de F-ino Mayo, en kiu ŝi kolektis ĉion malpuran en Hindujo, sed ilia kono haltas tie. Multaj ne pensis pri tio: se hinda virino vizitus Eŭropon kaj Amerikon samintence, eble ŝi havus ankaŭ multon ne tro belan por rakonti.

Tamen ekzistas Okcidentanoj, kiuj vivis en Hindujo kaj malkovris tie multon admirindan, interalie S-ro C. F. Andrews, kiu publikigis angle plurajn verkojn (ĉe George Allen and Unwin, London). Ankaŭ en eŭropaj universitatoj instruas foje kleraj scienculoj, kiuj studis sanskritan aŭ palian lingvon kaj kapablas montri al ni en plej antikvaj libroj de Hindujo — inter trimil' kaj dumiljaraj — grandiozan filozofion, noblan etikon, profundan poezion. La unua amiko de Esperanto inter lingvistaro estis tia homo: Profesoro Max Müller el Oxford. Se la Germanoj legus sian kleran Oldenberg, ili vidus tutan novan mondon antaŭ si.

Se iu deziras, ke oni juĝu lian civilizon, ne nur laŭ ĝia tekniko por milito kaj mongajno, sed ankaŭ laŭ ĝiaj plej noblaj artistoj kaj pensuloj, tiam li ŝuldas la saman mezurilon al ceteraj civilizoj.

Tion komprenas eŭropaj verkistoj kiel Wells en sia skizo pri tutmonda Historio kaj Rolland en siaj ĵus aperintaj libroj pri du grandaj hindaj pensuloj de la moderna epoko: Ramakriŝna kaj Vivekananda.

Sed, lasante flanke la plej altan kampon, la nura sekvado de ĉiutagaj faktoj instruas multon.

Nun skuas tutan Hindujon tiu sama sopiro al memrego, kiu vekis ĉiujn neliberajn popolojn en Eŭropo kaj Azio lastatempe. Pri tiu fenomeno, inteligenta Anglo, S-ro Edwin Bevan, skribis interesan libron: « *Pensoj pri hindaj malkontentoj* » (Allen & Unwin, London).

Rigardu la postmilitajn geografiajn kartojn. Restas ankoraŭ maljustaĵoj, eĉ gravaj. Sed kompare kun la antaŭmilita epoko, multaj nacioj gajnis sian lingvan kaj politikan sendependecon. Kio estis taŭga por Poloj aŭ Litovoj en Eŭropo, Turkoj aŭ Araboj en Azio, kial ĝi maltaŭgus por ni? Tion demandas sin Hindoj kompreneble. Ĉirkaŭ ili Persoj, Afganoj, Ĉinoj, Japanoj vivas sendepende. Hindoj restas en la mondo la sola granda nacio regata de alia. El tiu konstato klariĝas la nuna krizo.

### DIVERSAJ OPINIOJ

Anglaj financistoj investis multan kapitalon en Hindujo kaj nature timus ĝin perdi pro anarkio. Tio estas klare komprenebla.

[1] Por iom cedi, la vicreĝo ĵus sankciis altigon de tarifoj je kotonŝtofoj.

Ankaŭ multaj britaj familioj havas parencojn tie kaj havas saman timon pri ilia persona kaj kariera sekureco. La samon oni rimarkas rilate al tiuj eŭropaj kvartaloj en Ŝanghaj, kiujn la Ĉina Respubliko volas repreni el fremda rego kaj administrado.

Sed oni ne dirus la veron, se oni lasus kredi, ke la tuta angla popolo ŝatas la ideon regi Hindujon. Certe la brita gazetaro kaj parlamentaj diskutoj ĝeneraligis tiun kredon, ke Hindoj nepre falus en anarkion, se ili havus propran registaron; sed se Hindoj mem venus kaj paroladus, ili ĉie trovus tre simpatiajn aŭdantarojn kaj popolan pretecon rekoni ilian rajton.

La rajton neniu fakte neas. Nur la kapablon administran oni ankoraŭ diskutas. Sed, se iam la krizo kaŭzus denove amasan punadon kaj mortpafadon al Hindoj, kiel okazis antaŭ dek jaroj en Amritsar, tiam estas tute certe, ke la angla popolopinio ne toleros ĝin facile kaj verŝajne preferos « likvidi ». Tiel okazis por Irlando, pri kiu oni ankaŭ opiniis, ke ĝi ne kapablas administri sin mem. Multaj Angloj esperas je intertraktado por eviti ripeton de la Sinnfejna milito en Hindujo.

Ĉe l' alia kampo, inter Hindoj, ekzistas kompreneble ankaŭ diversaj « fluoj » de pensmaniero.

Unue: la princoj, t.e. la reĝoj aŭ reĝetoj de ĉiuj malgrandaj ŝtatoj. Ili timas ŝanĝon pro siaj tronoj kaj malfidas la reformistojn el Brita Indio. Due: la hindaj financistoj kaj administrantoj, kunlaborintaj kun la nuna registaro. Ili deziras ŝanĝon kaj pli da povo, sed volas ĝin per intertraktado. Ili formas tiel nomitajn « moderajn » grupojn kaj senrezerve bonvenigis la inviton al ĉirkaŭtabla konferenco en Londono. Trie: La grandamaso de intelektularo kaj junularo deziras ŝanĝon per memago kaj mem-decido. Ili grupiĝas en vasta organizo, nomata « Nacia Kongreso », kiu kunvenas ĉiujare je kristnasko. Tiu « Kongreso » spegulas aŭ formas la publikan opinion de la plimulto de gazetlegantoj, simile kiel *kuo-min-tang* en Ĉinujo. Sed ĝin mem dividas du « fluoj ». Unuflanke naciistaj junuloj kaj urbaj laboristoj, favoraj je perforta revolucio per ĉiuj eblaj rimedoj, aliflanke kamparanoj kaj sociaj pioniroj, konvinkitaj pri praveco de paca ribelado — sen perforto — laŭ ekzemplo de Gandhi.

Dum lasta « Kongreso » en Lahore, ambaŭ tendencoj ŝajnis pli malpli egalaj. Tamen tiu de Gandhi venkis kaj fariĝis la oficiala direkto.

Sed, se la ceteraj ne respektos disciplinon, tiam ili detruos liajn planojn. Estas certe, ke landaro de 320 milionoj da loĝantoj estas alia afero ol kelkaj dekmiloj da Hindoj en Sud-afriko.

Cetere la granda plimulto de la popolamasoj, same kiel en Ĉinujo, ankoraŭ ne partoprenas la nacian movadon. Kiam ili vekiĝas kaj ekinteresiĝas, ilia emo puŝas ilin al la flanko de Gandhi pro du kaŭzoj: unue ĉar ili estas kamparanoj, due ĉar ili estas religiemaj. La sankteco de la gvidanto, lia absoluta rifuzo insulti, mensogi aŭ frapi kaj ankaŭ posedi ion ajn por si mem, la pureco de lia vivo kaj plena sinofero de lia persono, tiuj faktoj estas eĉ pli diskonataj kaj « sentataj » en la plej malproksimaj hindaj vilaĝoj ol multaj okazintaĵoj, kiuj pli frapas Okcidentanojn.

Tio donas al tiu gvidanto eksterordinaran povon. Eĉ anglaj juĝistoj lin alparolas nur respektoplene. Estus malfaclie imagi en alia lando tian pozicion de homo, kiu okupas neniun oficialan postenon kaj « simple serĉas veron ». La fakto mem de lia aŭtoritato sur milionoj da homoj ilustras ĉe Hindoj malsaman psikologion ol ĉe Eŭropanoj kaj meritas seriozan atenton. Ĝi respondas al profundaj ecoj kaj emoj de Hinduismo, jam vekitaj en la tempo, kiam Buddho predikis la venkon al maljusto kaj mensogo per amo kaj verdiremo antaŭ dumil kvincent jaroj. Gandhi estas pli forta kiel profeto ol kiel politikisto.

Kompreneble okcidentaj ĵurnalistoj plejofte scias nur ridi pri tiaj faktoj, kiujn ili ne kapablas kompreni. Cinikuloj kredas sin realistoj kaj simple ignoras bonan duonon de la realaĵoj, kiujn ilia blinda okulo ne povas vidi. Pro tio vi legas en eŭropaj gazetoj nur pri bomboj aŭ krimoj de kelkaj urbaj revolucianoj, sed kvazaŭ nenion pri la penso de Gandhi kaj de la plimulto de la popolamaso, kiu gajnis ekzemple grandan venkon en Bardoli (nuligo de troa impoŝto) per absolute paca batalo, lasante sin aresti multope, senigi je siaj bovinoj k.t.p., ĝis la registaro cedis.

Nova tia batalo prepariĝas, sed estus granda eraro imagi, ke homo kiel Gandhi profitis sian vastan influon nur por tio. Kiam li vizitis urbojn kaj vilaĝojn, li plej ofte tute ne parolis pri politiko, sed instigis la homojn al praktikaj reformoj *tujaj*, ekzemple al ŝpinado, al forlaso de antaŭjuĝoj kastaj, al rifuzo je tro fruaj edziĝoj, al plifaciligo de vivo al virinoj, al bojkoto de alkoholaj trinkaĵoj, al higieno. Eĉ foje li prenis mem ilon kaj purigis necesejojn por kuraĝigi vilaĝanojn. Tiaj aferoj ne forgesiĝas kaj daŭre helpas ŝanĝi morojn.

Popolo ne povas ricevi sian liberecon « el ĉielo » kvazaŭ rostitan donacon falantan en buŝon. Necesas konstrui ĝin mem. Tial Gandhi batalas unue por sociaj reformoj kaj ankaŭ por interkompreniĝo kaj unueco inter Mahometanoj kaj Hinduoj. Sed ankaŭ tial li organizis, de tempo al tempo, « pacan ribelon » pri unu punkto aŭ alia. Lia ideo estas jena: Tra la tuta lando bolas entuziasmo kaj ekscitiĝo por « nacia libereco ». Se tiun boladon oni ne kanaligas al pacaj bataloj, ĝi eksplodos per bomboj.

Povas esti ke bombojn iuj daŭre tamen ĵetos, sed la plimulto trovos sufiĉan esprimon de sia fervoro en la senarmaj bataloj, organizitaj de la kongresa estraro. Ilia celo estas ne suferigi Anglojn, sed ilin konvinki per memsufero de Hindoj. Kompreneble la britaj administrantoj ne vidas aferojn sub sama lumo kaj opinias, ke tio kaŭzos anarkion. En No. 6 (Februara) de « Juna Hindujo » Gandhi skribas:

« Sen-perforto devas esti pacienca kun ĉiuj. La celo de la paca batalanto estu ĉiam: konvinki. Li tamen ne rajtas atendi senfine. Kiam la limo estas atingita, li rezistas kaj pretigas aktivan pacbataladon, kiu povas eĉ signifi malobeon. Neniam elĉerpiĝas lia pacienco, neniam li rezignas je sia kredo. Sed, laborante en malsimpatia atmosfero, li riskas eksplodon de ambaŭflanka perforto, ĉu registara, ĉu alipartia. La sen-perforta grupo devas tiam pruvi sian kredon estante pulvorigata inter ambaŭ muelŝtonoj. Se ekzistas tia grupo, ĉio estas bona por Hindujo kaj la mondo. Miaj espero kaj planoj estas konstruitaj sur ĉiam kreskanta fido je la ekzisto de tia partio de vera sen-perforto. »

Ĉe kunsido 31 Decembra lasta, dum Nacia Kongreso en Lahore, Gandhi proponis kaj akceptigis (per ne tre granda plimulto) rezolucion dankantan la Vic-Reĝon pri lia bonvolo, kvankam li ne povis doni la petitan promeson, ke la Londona Konferenco diskutu konstitucion de memrega Hindujo. Responde al rifuzantoj de la rezolucio, Gandhi diris (laŭ Hindustan Times, 3. I. 1930) : « Vi povas diri ke la Vic-reĝo estas anglo kaj agento de fremda registaro. Ĉu estas eble, ke tia homo klopodis utili al nia lando? Ni atestis pri lia sincereco. Nun vi devas decidi ĉu vi fidas nian ateston aŭ ne. Oni diris, ke estas malkuraĝe danki al Vic-Reĝo. Kio estas signo de malkuraĝo, tio estas ne diri brave, kion vi sentas... Se vi kredas je vero kaj sen-perforto kaj se vi kredas je pacaj kaj honestaj metodoj, vi kuraĝos voĉdoni la rezolucion kaj plenumos agon de ĝentileco al la Vic-Reĝo. Estas via nepra devo pensi bone pri via kontraŭulo. Kiu kredas je vero kaj sen-perforto, tiu estas esperplena. Espero naskas amon kaj amo naskas kuraĝon kaj fidon. »

Ni esperas, ke tiuj diversaj notoj kaj dokumentoj helpos legantojn iom pli bone kompreni la situacion en Hindujo. En alia artikolo ni priskribos la ĉefajn kastojn kaj kredojn, kiuj dividas aŭ unuigas Hindujon.

E. P.

 **SOCIA VIVO** 

# Atestintoj pri milito

Inter la rimarkeblaj emoj de la nuna generacio, eble la plej ŝatinda estas la naŭzo pri « belaj frazoj » kaj la prefero al vero « pura kaj simpla », alivorte objektiva. Ĝi estas ja la bazo de ĉiu scienco. Ĝi estas ankaŭ la bazo de ĉiu senpartia juĝo. Ĉu ĝi povas esti la fundamento de arto, tio estas alia demando, ĉar arto ne estas nura konstato de faktoj, sed esprimo kaj kreo de personaj impresoj, kiuj estas fine ankaŭ parto de la suma vero.

Nu, pri kio la ĵusa distingo kaj levo de sufiĉe malsimpla problemo? Pro apero de grava libro: Atestintoj (france: « Témoins » Paris, Les Etincelles, fr. fr. 100.—) de Jean Norton Cru. La verkinto de tiu dika volumo estas franca profesoro en usona kolegio (Williams College, Massachussets). Servinte kiel soldato en la eŭropa milito, li kolektis poste ĉiajn librojn pri ĝi kaj ilin klasigis kun sistemaj observoj kaj notoj.

Nun aperas la rezultato de tiu granda laboro. En sepcentpaĝa volumo Prof. Cru analizas 250 librojn pri la mondmilito kaj juĝas ilin post metoda klasigado. Per granda penado li informiĝis pri la aŭtoroj, ilia aĝo, ilia profesio, ilia grado, regimento, tempo pasigita ĉe militfronto, kie, kiam, k.t.p.

Por juĝi la enhavon, li uzas nur unu mezurilon: la vero. Ĉu la verkinto estas akurata aŭ ne? Ĉu oni povas fidi liajn rakontojn aŭ ne? Laŭ tiu juĝilo vi ne miros, ke la tribunalo de S-ro Cru estas severega. La plej famaj libroj pri la milito falas sub lia senkompata falĉilo. Eĉ Barbusse kaj Remarque ricevas kondamnon. Same la gloraj naciistaj aŭtoroj. S-ro Cru montras per ekzemploj kaj citaĵoj kiamaniere novelistoj blufas, erarigas, aranĝas, flikas, imagas la plejmulton por impresi la legantojn, por vendi sian libron aŭ por glorigi aŭ malglorigi la militon. Sed pri la vero, laŭ li, tre malmultaj zorgas.

Tamen li donas kelkajn premiojn el sia tribunalseĝo kaj certe la publiko nenion perdos aŭdante pri nomoj de Genevoix, Pézard, Lintier, Bernier aŭ Naegelen, kiujn li rekomendas, laŭ vidpunkto de akurateco kaj vereco.

Certe neniu prenos lian libron kiel absolutan indekson, sed multaj seriozaj homoj uzos ĝin kiel utilan katalogon kaj estimindan gvidilon. Efektive ĝi pruvas solidan sciencan metodon, grandan senpartiecon kaj maloftan sopiron al vero. Estas videble, ke la aŭtoro partoprenis mem la militon kaj malŝatas aŭdi salonrakontojn pri ĝi.

Tiujn, kiuj ŝatas prezent la militon kiel hercaĵon, li kondamnas severege, sed ankaŭ tiujn, kiuj trograndigas « kun celo », ĉu pacifista, ĉu alia. Li trovis la militon tiel abomena kaj hontinda, ke li opinias la nuran veron absolute sufiĉa por konvinki ĉiun honestan homon pri ĝia krimeco kaj malsaĝeco.

Ie, en sia antaŭparolo, Cru diras ke ĉiu, kiu vidis kaj komprenis la militon, nepre devos preferi ian alian solvon de konflikto ol la solvon per forto. Pri lia sento tiurilate la libro ne lasas dubon. Kio frapas ĉe li, estas lia insisto pri ĝusta vero, eĉ en detaloj, fakte lia naŭzo pri « literaturo ». Tie kuŝas la grava problemo. Unuflanke lia vidpunkto estas prava kaj admirinda. Aliflanke ĝi estas malpli forta ol li opinas. Inter la ekzamenitaj aŭtoroj, S-ro Cru identigis 7 artistojn, 12 komercistojn, 14 kuracistojn, 17 juristojn, 40 profesiajn oficirojn, 30 profesorojn kaj 53 verkistojn.

Kiel li povas malpermesi al ĉi tiuj 53 viroj uzi sian talenton laŭ kutima maniero? Kiel devigi, ke ili rakontu ĉion laŭfakte kaj ne laŭimprese? Li citas kelkajn, kiuj sukcesis arte kaj tamen akurate priskribi, sed li montras mem, ke ili estas esceptoj.

Sed eĉ tio ne sufiĉas. Restas la legantoj. Ĉu Profesoro Cru konas la ŝatatan sciencon de Nikolaj Rubakin: Bibliopsikologion? Ĉi studas efikon de libroj ĉe la legantoj. Ĝi montras ke tio estas kombinaĵo inter la verkoj kaj la cerbaj ecoj de la foliumantoj. Ne estas tute certe, ke la plej akurata rakonto kaŭzos ĉe la publiko la plej akuratan komprenon pri la realo priskribita.

S-ro Cru plendas pri tio, ke la publiko avide legas tiun aŭ alian faman libron, plenan je « flikaĵoj » kaj ne tiun aŭ alian, multe pli akuratan kaj ankaŭ tre bonstilan. Estas tre bedaŭrinde, sed eble ne tiom grave, kiom li kredas.

Se la aŭtoroj de la « famaj » militlibroj bone konis la psikologion de sia publiko, ili sciis doni ĝuste tiun enhavon, kiu fine lasos eble la plej verproksiman ĝeneralan impreson pri la realeco de la milito. Kiu scias? Ankaŭ la tuta problemo pri arto kaj teknika vero meritus pli profundan studon ol estas eble ĉi-tie.

Necesis rimarki tion por esti justa. Sed, dirinte ĝin, ni rajtas admiri senrezerve la noblan ŝaton de Profesoro Cru al objektiva vero. Ankaŭ ni opinias, ke absolute fidinda rakonto estas multe pli valora ol ĉiuj literaturaĵoj, kiam temas pri atestoj en tiu vasta proceso pri mortigo de l' homaro.

Ne nur la kritikoj aŭ laŭdoj de S-ro Cru estas interesaj, sed ankaŭ liaj fortaj enkondukaj ĉapitroj, en kiuj li korektas multajn tre disvastigitajn erarojn pri milito. Tie parolas, ne profesoro, sed vera soldato, kiu travivis kaj scias.

Ekzemple: la ĉefoj tute ne vidis la saman militon kiel la soldatoj: « Nek la generalestro, nek la arme' kaj korpusestroj, nek iliaj staboj estis frenezaj... Tamen ili persiste faradis tion, kion ĉiu soldato opiniis malsaĝega jam antaŭ ol ĝi okazis. »

Unuj vidis geografiajn kartojn, aliaj la veran lokon kaj la staton de la homoj sur ĝi. Simile pri la lukto kaj « sindefendo ». Laŭ S-ro Cru ne ekzistas sindefendo. Soldatoj atakas aŭ falas. « Ĉasistoj aŭ viktimoj ». Ili ne « sin defendas ». Plej ofte ili « servas kiel pafceloj ». Tiu rolo ne ŝatigas « la gloron de bataloj ».

Pri timo: « Ĉiuj soldatoj senescepte havas timon kaj la granda plimulto montras admirindan kuraĝon farante tion, kion ili devas, malgraŭ sia timo. Sen timo ni ne vivus 24 horojn en unua linio... »

Pri « Riveroj de sango » S-ro Cru donas teknikajn detalojn por montri, ke ili estas « literatura trograndigo », ĉar la tero sorbas ĉion fluantan. Li rekomendas malfidi aŭtorojn, kiuj trouzas tiun impresilon.

Pri la fama « tranĉeo de bajonetoj » li frakasas amatan legendon kaj seniluziigas la sinjorinojn, kiuj kredis je tiu regimento « enterigita vive dum batalo ». Ankoraŭ hodiaŭ oni montras la pintojn de la bajonetoj, elstarantaj el tero! Laŭ Profesoro Cru, tio estas tombaro de soldatoj en loko, kie mankis ligno por krucoj!

Aliaj « miskredoj » estas laŭ li: « La persona malamo de soldatoj al kontraŭarmeanoj, ilia fido kaj senrezerva admiro al superaj ĉefoj, ilia prefero al atako ol defendo, ilia deziro batali ĝisfine, ilia nescio pri taktiko, la eksplodkugloj, k.t.p. »

S-ro Cru insistas pri tio, ke jam dum la milito, en tranĉeoj, la soldatoj furiozis legante fantaziaĵojn en gazetoj kaj sopiris al tago, kiam ili povos viziti redakciojn, pinĉi orelojn tie kaj fine rakonti la veron, kiel ĝi estis: Si vis pacem, para... veritatem (se vi volas pacon, pretigu... la veron) « Tio estis banalaĵo ĉe la frontlinio, sed necesas rediri, ĉar oni ŝajne ĝin forgesis deposte. Oni ŝajnas preta lasi denove, permesi, ke niaj gefiloj nutriĝu per fabeloj, tiuj fabeloj kiuj gvidis nin al Aŭgusto 1914. »

La libro de Cru kaŭzos grandajn diskutojn, se oni ne organizos kontraŭ ĝi la « batalon de l' silento ». Kiu legos ĝin, tiu trovos tra la paĝoj, la malvarmon de scienca senpartieco kaj la varmon de du fervoraj amoj de l' aŭtoro: amo al la vero, amo al la kunulo-soldato.

E. P.

# Fremdaj laboristoj en Francujo

La *Internacia Labora Revuo*, la ĉiumonata revuo eldonita angle kaj france de la Internacia Laboroficejo, havis en sia numero por Aŭgusto 1929 artikolon, verkitan de Profesoro William Oualid de la Universitato de Paris, pri la « Laŭprofesia dispartigo kaj situacio de fremdaj laboristoj en Francujo ».

De 1920 ĝis 1927 la nombro da fremdaj laboristoj enirintaj en Francujon, laŭ oficialaj registroj, estis 1.416.296, dum la nombro reirintaj al ilia lando estis 425.757. Tiel, dum la koncernataj ok jaroj, la loĝantaro de Francujo estis plimultigita per ĉirkaŭ miliono da fremdaj laboristoj, kaj la fremda loĝantaro nun estas 2.500.000 personoj. La dispartigo de tiuj enmigrantoj laŭ situacio (mastro, dungato, sendependa laboristo, k.t.p.) meritas specialan atenton. La enmigrado de tiuj laboristoj celas precipe kompensi la nesufiĉecon de la franca laboristaro rezultantan de la malalta naskiĝokvanto, la perdoj per la milito kaj la kreskanta malinklino de Francoj por certaj okupoj.

La materialo de la studo estas ĉerpita el la popolkalkulado de 1921 kaj enketo farita de la Ministerio de Agrikulturo en 1927.

La tuta nombro da fremduloj okupataj en agrikulturo kaj industrio en 1927 estis 1.614.716, kiuj estis dividataj laŭ nacieco jene:

| Nacieco | Nombro | % |
|---|---|---|
| Italoj | 479.044 | 29,7 |
| Belgoj | 251.503 | 15,6 |
| Poloj | 233.271 | 14,4 |
| Hispanoj | 200.373 | 12,4 |
| Svisoj | 87.479 | 5,4 |
| Rusoj | 63.942 | 4,0 |
| Germanoj | 34.203 | 2,1 |
| Ĉeĥoslovakoj | 32.200 | 2,0 |
| Armenoj | 26.275 | 1,6 |
| Portugalanoj | 26.185 | 1,6 |
| Luksemburganoj | 21.979 | 1,4 |
| Grekoj | 15.685 | 1,0 |
| Diversaj | 142.577 | 8,8 |
| | 1.614.716 | 100,0 |

Jen la dispartigo de tiuj fremduloj laŭ profesio:

| Profesio | Nombro | % |
|---|---|---|
| Diversaj industrioj | 382.000 | 23,7 |
| Konstruado kaj fosado | 326.000 | 20,2 |
| Metalurgio (inkluzive fero kaj ŝtalo) | 265.000 | 16,4 |
| Agrikulturo | 254.000 | 15,7 |
| Karbminejoj | 139.000 | 10,6 |
| Metalaj kaj aliaj minejoj | 32.000 | |
| Nelertaj laboristoj | 216.000 | 13,4 |

Pri la dispartigo de la diversaj nacianoj la ciferoj rilatas nur al la provincoj precipe okupataj en la jenaj grupoj:

La Italoj (387.000) estis ĉefe okupataj en la jenaj grupoj: 88.000 konstruado, agrikulturo 80.000 kaj nelerta laboro: 78.000; 38.000 estis okupataj en metalurgio, 22.000 en minejoj kaj 81.000 en diversaj industrioj.

De la Belgoj 66.500 estis okupataj en diversaj industrioj, 44.000 en agrikulturo, 30.000 en nelerta laboro, 29.000 en metalurgio, 23.000 en konstruado kaj 7.000 en minejoj.

La Poloj laboris ĉefe en minejoj, 97.000 estante okupataj subtere. Agrikulturo okupis 32.000; 25.000 estis nelertaj laboristoj; 20.000 estis okupataj en metalurgio kaj 17.000 en diversaj industrioj.

67.000 Hispanoj estis okupataj en agrikulturo; 38.000 estis nelertaj laboristoj; 16.000 estis okupataj en konstruado, 10.000 en metalurgio kaj 36.000 en diversaj industrioj.

De la Svisoj 17.500 estis okupataj en diversaj industrioj, 15.000 en agrikulturo, 8.600 en metalurgio, 3.200 en konstruado kaj 7.700 estis nelertaj laboristoj.

La nombro da Rusoj en la provincoj estis nur 21.000. La plimulto (43.000) loĝis en Parizo. Ekster Parizo 6.000 estis okupataj en metalurgio, 6.000 en nelerta laboro, 4.300 en diversaj industrioj, 2.000 en agrikulturo, 1.300 en minejoj kaj 1.300 en konstruado.

La Germanoj (30.000), el kiuj la plimulto loĝis en Loreno, estis okupataj en minejoj (18.000) kaj metalurgio (3.150).

6.000 Ĉeĥoslovakoj laboris en minejoj, 3.600 en metalurgio, 4.000 estis nelertaj laboristoj, kaj 3.000, precipe Slovakoj, estis okupataj en agrikulturo.

De la 14.000 Luksemburganoj, 7.000 estis okupataj en metalurgio, 2.500 en diversaj industrioj kaj 2.000 en agrikulturo.



# NOTOJ



*Naturparko en la Belga Kongo.* — Laŭ la ekzemplo de aliaj landoj, la Belga Kongo havos ankaŭ sian teritorion netuŝeblan aŭ rezervacian parkon. Dum pasinta jaro en Oktobro nomiĝis la komisiono por la starigo de la Parko Alberta en la regiono de Kivu de l' Belga Kongo. La parko ampleksas 200.000 hektarojn. Ĝi donos al la scienco okazon por fari zoologiajn, geografiajn, geologiajn kaj antropologiajn esplorojn.

*Nova metalo.* — La Westinghouse Electric and Manufacturing Company informas pri fabrikado de nova metalo nomita « Konel ». Tiu ĉi metalo laŭdire multe pli bone rezistas ol ĉiuj aliaj metaloj al altaj temperaturoj. Ĝi sekve povas esti uzota por movigeblaj partoj de bruligmaŝinoj kiel ankaŭ por partoj de maŝinoj ekspozataj al altaj varmecoj. Komence uzita por anstataŭi platenon en la fabrikado de dratoj por radiolampoj, oni trovis ke tiu ĉi metalo estas multe pli mafacile forĝebla ol ŝtalo. Plie ĝi restis necedema ĉe tre altaj temperaturoj, dume aliaj metaloj moliĝis. La Westinghouse kompanio jam povis efike utiligi tiun metalon kaj ŝpari en la radiolamp-fabrikado ĉiumonate 250 mil dolarojn. Plateno kostas po unu unco (38.35 gr.) 180 dolarojn, dume la nova metalo, kiu plenumas sanbone la rolon, kostas nur kelkajn dolarojn la funto (453.6 gr.). La vivdaŭro de la koneldratoj estas dekfoje pli longa ol de tiuj el alia materialo.

*Farbaĵoj kontraŭ kancero.* — Inter la metodoj, uzataj nuntempe por agi kontraŭ penigaj ŝveliĝoj, apartenas ankaŭ la injekto de farbaĵoj en la vejnojn. Taŭgaj farbaĵoj estas retenitaj de la kancerĉeloj kaj rekte malhelpas la ŝvelaĵojn aŭ igas ilin pli pretaj por terapio radiuma aŭ diatermia. Per tiu ĉi vojo oni sukcesis ĝis nun, forigi kancerpartojn aŭ malhelpi ilin en la kresko kaj speciale tiajn partojn, ne forigeblajn per operacio. Sed la ĝis nun atingita ŝtupo ankoraŭ ne sufiĉas por ke oni povu esperi pri kuracado per farboj de neoperaciebla kancero. Nun D-ro Bernhard raportis en la Berlina Medicina Societo pri kuracado de 200 malsanuloj per farboj, de 1926 en la kliniko de la Charité. Li uzis Isaminbluaĵon kaj kombinis la farbkuracadon kun radiumo kaj diatermio.

**PRO LASTMOMENTA ŜANĜO**

la Oficiala Informilo de U.E.A., n-ro 5 (Marto/Aprilo) aperos nur kun la

**VENONTA NUMERO (MAJO)**

## SOCIO KAJ LINGVO

# LA MEKSIKA LINGVO

*De Jesus Amaya, México D.F.*

Inter la multaj lingvoj de Meksiko, la plej disvastigita estas la meksika aŭ Naŭatl (belsona-eleganta), parolata de proksimume 2 milionoj da homoj. Kvankam ĝi ne havas oficialan subtenon ĝi tamen ekzistas de kvar jarcentoj.

Kiam alvenis la hispanaj konkirintoj sub Ferdinando Cortéz en la jaro 1519, la azteka imperiestro Moteuhzoma Ŝokajocin kaj la plimulto de liaj subuloj kaj malamikoj parolis en meksika lingvo. La lando nomiĝis Anaŭak (kio signifas « ĉirkaŭata de akvo ») kaj la ĉefurbo, situata meze de lagaro estis Meŝihko nune México.

La nacia geografio montras la gravecon de la malnova lingvo kaj de ĝia gento. Granda parto de la loknomoj estas meksikaj. Ankaŭ en Centra Ameriko kaj iafoje en la Sudo, kiel Cali (Kali = domo) en Kolombio Los Teques (Tekes = teka = gento) apud Caracas. Fine Ĉilo, kio estas identa kun vorto Ĉili, kio signifas ruĝa pipro.

La tre sinteza lingvo estas apudmeta. Oni akcentas la antaŭlastan silabon. La nunaj civilizitaj meksikanoj, pli ol dekdu milionoj, tute ne parolas la praan lingvon, sed la hispanan, kies akcentadon kaj sonan evoluon ili aplikas al la meksika, sonorigante multajn konsonantojn.

La meksika lingvo ne estas klasigebla inter la hindeŭropaj idiomoj. Ekzistas notinda simileco kun kelkaj el la lingvoj ariaj. Malmultaj vortoj korespondas precize kun la sanskrito kaj la vortkunmetado tre similas al la germana aŭ greka laŭ la emo je longa aglutinado. Ekzemple la vorton — atojamiĉnakamoli — kio signifas « stufaĵo de rivera fiŝo » oni formas el la jenaj elementoj: *A-tl* = akvo, *toya-tl* = etendo, *miĉ-i* = *naka-tl* = viando, kaj *moli* = ŝtufaĵo. Kiel videbla oni fortranĉas ĉiun finaĵon, escepte tiun de la substantiva vorto — la lasta.

La meksika alfabeto estas jena: a, c, ĉ, e, h, i, j, k, l, m, n, o, p, s, ŝ, t, u, ŭ. Mankas plejparte la kontinuaj aŭ sonoraj konsonantoj ankaŭ la f. La litero l ne aperas je la komenco de ia vorto. Malestas kombinoj kiel — kl — aŭ — pl —, sed oni multe uzas — tl —, kiu estas malofta en eŭropaj lingvoj. La — h — nur aperas je la fino de silabo aŭ vorto. La duonvokalo — ŭ — estas pli ofte uzata ol — j — por diftongoj.

Oni ĝenerale formas unuvortajn frazojn. Kuniĝas pronomo kaj verbo, aŭ poseda adjektivo kun la substantivo. La verbo transitiva estas ĉiam indikata, ĉu prefiksante vorteton — t l a — (aĵo) por nedifinita objekto. Ekzemple *nitlakua* (mi manĝas /ion/). Ĉu per enfiksado de — k — ununombre) aŭ *kin* (plurnombre). Ekzemple: *Ni-k-pia* (mi/ĝin/havas), *li-kin-pia* (vi/ilin/havas). La tria persono ne bezonas pronomon. Ekz.: *Ki-piah* (Ili/ĝin/havas). Por la posedaj pronomoj oni fortranĉas la finaĵon de la substantivo ekz.: *To-kak* (el to, nia; kaktli = ŝuo).

Preskaŭ neniam oni uzas la verbon esti. Ekzemple: *In papalotl istak* (La papilio/estas/blanka). Por la estinta tempo estas antaŭmetata litero — o —. Ekzemple: *El Nikoĉi* mi dormas) devenas *el onikoĉ* = mi dormis. La verbo en tia kazo aŭ perdas la finaĵon aŭ suferas alian ŝanĝon. Ekzemple: El *ni-k-pia* = mi havas, eliras *o-ni-k-piŝ* = mi havis. Por la estonto, same kiel en la greka lingvo, litero — s — estas postfiksata. Ekz.: El *ni-k-maka* = mi donas, oni faras *ni-k-makas* = mi donos. Frekventativigi verbojn estas facile, nur duobligante ilian unuan silabon. Tio aperigas ofte novan nuancon de la originala ideo. Ekz.: El vorto *keloa* kio signifas ridi fariĝos *kekeloa* kio signifas tikli. Aliaj ekzemploj:

*Kaŭa* = lasi — *kahkaŭa* = forlasi: *noca* = voki — *nonoca* = babili
*paki* = bonfarti — *pahpaki* = kontentiĝi:
*eleŭia* = deziri — *ehel ŭia* = avidi

La filologoj trovos, kiel supre dirite similecojn ĉu kun la sanskrita ĉu kun la greka lingvo. Ekzemple: *Mati* = scii, meksika kaj sanskrita; la greka lingvo havas la formon mathema = scio aŭ men = menso. Latine mens, germane meinen, angle mind.

La vorto *teotl* = dio rememorigas tuj la grekan theos. Sed la lingvo de Homero ne klarigas bone la signifon de la vorto. La meksika ja ĝin faras. La prefikso te valoras por homo aŭ persono; otl = abstrakta eco, kaj tl finaĵo substantiva. Tial te - o - tl estas homo en la plej alta senco. Pruvo de religio antropomorfa. *Tahtli* kaj *tata* = patro kaj respondas precize al la sanskrita tata. La greka poli (multe) estas ankaŭ meksika. Ekzemple: *Kal-poli* = kvartalo, multaj domoj. *Oktli* = vino kio similas al pragreka oknos, moderna oinos.

Vokativon oni formas per akcentata — e — same kiel en greka. Ekzemple: *Teo-cin-é* = Oh, sinjoro dio.

La imperativo greka estas formata per sufikso thi. En meksika lingvo prefikso ŝi. Ekzemple: Ŝi-k-maka! (Donu!).

Greka teĥnitis — artisto — kio similas al tekitki = laboranto. Greka prefikso epi = super estas komparebla al ipa = en super.

En sanskrita oni diras pat por flugi kaj en meksika patlani. Sanskrita jan aŭ gan signifas iri (germane gehen); jah aŭ jauh meksika. Sanskrita pati = zorgi, gardi, en greka pathos (sufero). Meksika pahtia = kuraci. Sufiĉas la ekzemploj.

La ŝanĝo en vokala longeco, kutime signifas ŝanĝon de valoro. Ekzemple: El *kua* (manĝi) *kŭakŭa* = manĝadi. *kŭakŭa* = maĉi, kŭahkŭa = mordeti. Kvankam ne tre ofte, okazas konsonanta fleksio. Ekzemple el tesi — mueli oni faras teŝoa kun sama signifo, kaj teŝiŝi — grati. El mati (scii) eliras maĉtia = lernigi.

Meksiko donis multajn vortojn al hispana lingvo. Ja kelkaj vortoj estas tre konataj en ĉiuj aliaj lingvoj: *ĉokolatl*, *tomatl*, *kakaŭatl* (Ĉokolado, tomato, kakao). Jam en la deksesa jarcento la meksika lingvo estis evoluiĝinta, sed la konkiro haltigis la evoluon. Ekzemple el jolohtli (koro) oni alvenis al tejolia, kio signifas animo. Jolĉikaŭak (brava, fortkora), joleŭa (kuraĝigi, laŭlitere: levigi la koron). Jolalia (konsoli, meti koron al suferanto).

La skribado okazis per hieroglifoj sur agava papero. La indiĝenoj posedis grandajn arĥivojn kaj kvazaŭ Biblion, nomitan teoamoŝtli (Libro de Dio), enteninte leĝojn, historion k.t.p. Bedaŭrinde la konkirintoj bruligis ĉion pro fanatismo. Jen la kialo de la malhelo pri nia antikva historio. Oni ofte diris, ke Ameriko estas parto de la fabela Atlantido. Estas pretendate, ke la prameksikaj, toltekoj, ĉiĉimekoj kaj aztekoj venis el Azio. Sed ilia longa pilgrimado estas nur konata ĝis Alta Kalifornio.

Unu ekzemplo plia: Pri la nomo de l' Atlantika Oceano rakontas la greka mitologio kiel giganto Atlaso estis ŝtonigita kaj nun subtenas la mondon en Nordafrika montaro Atlaso. La sono — tl — estas maloftaĵo en greka lingvo. Ĉu Atlaso venas el thalassa (maro)? En la meksika lingvo, atl estas akvo; tla aŭ tlan estas abundo. Tik estas adjektiva formo, kaj ko valoras por loko. Tial Atlantiko estas por ia « indjo » = meksika indiĝeno, « loko kie la akvo abundas ».

Certe la filologio helpos klarigi la praamerikan historion.

## GEOGRAFIO KAJ TURISMO

# DRESDEN

Dresden estas feliĉa kuniĝo de graciaj revoj el galanta estinteco kaj abundo de senkompareblaj naturbelaĵoj sin etendantaj laŭborde de la Elbe en ŝvebanta beleco, aŭrodelikate ofte en pastelkoloraj idiloj, ĝis en la « Saksan Svisujon ». Nek poeta entuziasmo, nek subtila, arta kolorsento estas necesaj por enanimigi al la fremdulo tiun urbon. Ĉiu vojaĝanto, ĉiu turisto, kiu por la unua fojo estas en Dresden, senpere estas ravita de la beleco de tiu-ĉi urbo, tute indiferente, de kiu vidpunkto li volas ĝin eltrovi por sia okulo aŭ sia koro.



*La Rempara Pavilono de l' « Zwinger ».*
(Fot. Kunstverlag Stein, Dresden.)

Pompamantaj regnestroj tieĉi konstruis palacojn kaj denove palacojn, preĝejojn, pontojn, muzeojn, unikajn artejojn, kiuj grupiĝas ĉirkaŭ la rivero kvazaŭ kunkreskintaj kun ĝi. Ĉiuj tiuj el ŝtono kreitaj revoj de galanta epoko formas kun siaj verd-oraj tegmentoj kaj turpintoj, kun la « Zwinger » kaj la teraso de Brühl — la balkono de Eŭropo —, grandiozan silueton.

Ankoraŭ hodiaŭ estas Dresden la barokurbo de *Aŭgusto la Forta*, kies posteuloj multon oferis, por konservi la gloron artan kaj kulturan de tiu-ĉi urbo. Lia Zwinger, lia Meissen'a porcelano antaŭ ĉio donis al Dresden mondfamon, kaj la pentraĵgalerio, la Madono-preĝejo, la kastelo, la katolika katedralo, la « Granda Ĝardeno » kun siaj monumentoj, fontanoj kaj palacoj donas al la urbo la unikan monumentalecon de lia arta volo.



*Theaterplatz kun oper domo, Hofkirche, Kastelo kaj Elbe.*
(Fot. A. Glöckner, Dresden-Leuben.)

Hodiaŭ, post 200 jaroj, Dresden prezentas en si kompletan artcentron, kia preskaŭ ne plu ekzistas en tia amplekso en alia urbo de Germanujo, hodiaŭ estas tiu-ĉi urbo la celo de centmiloj da fremduloj ĉiujare, kiuj tie-ĉi trovas edukejon internacian de zorge elektita spiritkulturo. La tie-ĉi historiĝinta estinteco estas tiurilate direktondonanta, kaj ĝuste en tempo de kultura degenerado oni memoras despli al tiuj urboj germanaj, kiuj ne nur gardis la romantikon de la pasinteco en siaj artmonumentoj, sed kiuj montras novajn vojojn kaj celojn al fremduloj kaj vojaĝantoj de la nuntempo.

La *nova* Dresden sin evoluas ĉiam pli al ĝardenurbo en konstruarta senco kaj sendube ne nur deflanke de la Granda Ĝardeno, kiu sin etendas ĉirkaŭ ĉarmplena palaco en koloraj idilioj kaj kiu kun siaj gajaj florbedoj, maljunegaj arbogrupoj, marmoraj barokmonumentoj, lagoj kaj herbejoj, aleoj kaj rondaĵoj en ĉiu parto efikas aloge kaj refreŝige al okulo kaj animo. La *nova* Dresden kreskas en la montetojn de *Loschwitz* kaj *Weisser Hirsch*, en la *Lössnitz*-montojn, tiujn perlojn de germanaj pejzaĝoj, kiuj borderas la urban teritorion.

Ne estas mirinde, ke ĝuste nun denove internacia fremdularo celas al Dresden, kie oni sin — post la granda mondokazintaĵo — malgraŭ ĉiuj ekonomiaj malhelpoj denove dediĉas al arta spiritkulturo. En la sferoj de la belaj artoj, de l' teatro kaj de la muziko, Dresden kun siaj institutoj estis jam ĉiam modela, kaj la ĝenerala karaktero de la urbo certe estis decidiga kaj akcela por la krea forto de ĉiu, kiu tie-ĉi dum pli aŭ malpli longa tempo studis. Momente Dres-

den estas meze en la laboro, krei socialkulturan centron en la *Germana Muzeo de higieno* kaj pere de la *Internacia Ekspozicio de Higieno* 1930. La higieno kun siaj najbarsciencoj, siaj vastdisbranĉitaj socialaj institucioj kaj ampleksaj sanigpraktikoj, la higieno, kiu enpenetras la personecon de ĉiu individuo kaj postulas ties personan intereson, la higieno estas por nia nuna generacio tioma gravaĵo, ke Dresden pere de ĝi en la jaro 1930 ricevas novan spiritan centron.

Dresden jam de longe estis ekspozicia urbo kaj plenumis ampleksan produktecon sur tiu kampo, speciale per internaciaj artekspozicioj kaj per vivplenaj elmontroj pri urbkonstruo, industrio kaj metio. Post la Internacia Ekspozicio de Higieno 1930 sekvos *Internacia Art-ekspozicio* 1931, kiu denove estos aranĝata kiel unu el la multekonataj « Jahresschau Deutscher Arbeit » (ekspozicio de germana laboro »).

Kien ajn la fremdulo venanta Dresdenon sin turnas, lia okulo neniam laciĝos. Lia intereso ĉiam denove estas vigligata, tute egale, ĉu li rigardas en la historiaj muzeoj kaj antaŭ ĉio en la « Grünes Gewölbe » la amasigitajn trezorojn aŭ en la pentraĵgalerio la majstraĵojn de Rafael, Tician, Holbein, Rembrandt ktp..., ĉu li nur promenas tra la ĉefstrato de la urbo, kiu etendiĝas de la ĉefstacidomo en longa domvico ĝis la rivero, trans la Aŭgustus-ponton en la tiel nomatan « novurbon » kaj poste disbranĉiĝas al la industria teritorio kaj supren al la montoj de Loschwitz kun la mondfama kuracejo « Weisser Hirsch » (« blanka cervo »), ĉu li de sur la altaĵoj de Raecknitz ĉe la Moreaŭmonumento rekonstruas la grandan batalon de Dresden, kie Moreaŭ, la plej akra kontraŭulo de Napoleon, finis sian vivon en la brakoj de la rusa caro. Ĉie kuniĝas la historiaj rememoroj kun la pulsanta vivo nuntempa, bela kaj bona mikso de historio kaj naturdevenaj belaĵoj, kiu ĉiam denove igas ĉarma la ĝeneralan impreson de la urbo Dresden.

*Dresdner Verkehrsverein.*

LKK Dresden.



*Rigardo de la Brühl-teraso al la Frauenkirche.*

(Fot. Kunstverlag Stein, Dresden.)

# LE HAVRE

En Le Havre okazos dum Paskaj festoj, 18-19-20 kaj 21a Aprilo 1930, la nacia Kongreso de la franca Societo por la propagando de l'Esperanto. Ni do havas plezuron doni ĉi-sube kelkajn informojn pri tiu-ĉi granda urbo.

Fondite en la jaro 1517a de la franca reĝo Francisko Ia, Le Havre prezentas nenian antikvaĵon, sed havas valorajn kompensaĵojn, precipe sian havenon, ne supozeblan de kiu trairas la urbon.

Laŭ le pezo de la komercaĵoj, Le Havre estas la dua haveno franca post Marseille, sed laŭ ora valoro, Le Havre venas unue.

La haveno povas ricevi la plej grandajn ŝipojn. Ĝi enhavas 11 basenojn ampleksantaj akvan supraĵon da 88 hektaroj, gajnitaj kontraŭ marĉoj aŭ kontraŭ la maro, 18 kilometroj da kajoj 144 elektrajn, 13 vaporajn, 25 akvopovajn, 15 flosajn levilegojn, 2 flosajn grenenspiregilojn kun kapablo de 100.000 kilogramojn hore, fine triepiedan 120.000 kg relevilegon; platŝipon, kiu ebligas transmovon de 200.000 kg ĉe 45 metroj de alto kaj je 20 metroj interspace de la platŝipo. Preskaŭ ĉiuj elŝipiĝejoj estas kovrataj de varejoj, kiuj ŝirmas la varojn kontraŭ vetero kaj ŝtelo. Ilia suma supraĵo superas 320.000 km.

La kotona staplo havas longon de 744 metroj, larĝon 144 m. 30, supraonĵon 78.500 km., do pligranda ol la Place de la Concorde en Parizo; ĝi estas la plej granda staplo en la mondo. Multaj publikaj varejoj (pli ol 850.000 km.).

Plue, ĉirkaŭe Le Havre, estas diversaj industrioj, lamenigilejoj, fadentirilejoj, kanonlaborejoj, ŝnuregaj, elektraj fabrikejoj k. t. p.

El Le Havre forveturas la plej grandaj kaj luksaj ŝipoj al New-York kaj al ĉiuj mondpartoj.

Krom ĝia haveno, Le Havre prezentas bele desegnitajn vojojn, florparkojn, Muzeon, k.t.p.

Fine, Le Havre estas fama centro, turisma, La Heve'aj lumturoj kaj Ste Adresse, kiam oni laŭiras la bulvardon Albert Ia, laŭlonge la marbordo, devas atentigi la turiston. — Tre belajn ekskursojn oni povas fari al Trouville-Deauville, mondfamaj marbordoj, Etretat, Fécamp, Villequier, Lillebonne, St Wandrille kaj Jumiège kun iliaj abatejoj k. t. p.

Do, ĉiuj al Le Havre dum pasko.

---

## AŬSTRIO

Denove la Ministerio por Komerco kaj Trafiko en Vieno eldonigis belan prospekton « Aŭstrio » faldfolio longforma kun landkarto kolora kaj belaj bildoj presitaj en Offsetmaniero. Certe tiu ĉi eldonaĵo kompletigas inde la belan serion de jam eldonitaj gvidfolioj de tiu lando kaj espereble altiras libertempulojn fremdajn al tiu ĉarma lando kaj al ties vidindaj urboj. La prospekto estas ricevebla pere de Internacia Esperanto-Muzeo, Augustinerstrasse, 7, Wien I.

# LITERATURO

## LA INSTRUISTO

*de Hans Dahmen.*

Pripensante mi staris antaŭ miaj lernantoj, la krajonon en la mano. Ekzemplon mi serĉis por skribi sur la tabulon. Malfacila ekzemplo el la matematiko, kiu klarigu al la zorgindaj lernantoj komplikan matematikan regulon... Mi staris kaj pripensis.

Rigarde mi renkontis la lernanton Rikardo kies okuloj rigide direktiĝis al mi.

Li estis malforta matematikisto. Tuj mi pensis, ke li ree serĉas la « venton sur la kampo », ke certe estus senvalora ĉiu penado enbati ion en lian kapon. Mi koleriĝis, malhelpita en mia profunda penslaboro kaj kolerege mi ekvokis — kion mi alitempe ne farus —: « Rikardo, ulo!, ne rigardu min tiel senpense! Mi scias, ke vi estas malsaĝa kiel ŝtipo — sed ne serĉu la tagon pasintan... Mi... » Sed mi finis.

Rikardo tremis kiel aŭtuna folio, paliĝis unue, tiam ruĝiĝis kaj liaj vangoj ardis.

Mi skribis ekzemplon sur la tabulon kaj instruadis. Ankaŭ al Rikardo mi direktis demandon, sed ricevis malĝustan respondon. Kompreneble. Sed mi ne mallaŭdis lin, portante enkore miajn apartajn pripensojn, kiuj ne forlasis min ankaŭ dum mia hejmvojo. Ĉiam vidante la rigardojn de ĉi tiu sonĝemulo, kiuj vere estis ensorĉigintaj min. Certe, mi estis konvinkita pri la maljustaĵo de mia senprirespondeca agado.

En mia hejmo mi preparis min por la venonta tago. Sed mi ne povis labori intense, ĉar antaŭ mi staris la rigida rigardo de la lernanto. Ĉiam.. ekscitante min.

Ĉu mi faris maljustaĵon al li... aŭ ĉu la kolegoj agis juste, riproĉintaj al mi molemecon eĉ molaĉecon? Ho, kia konscienca riproĉo!

Certe, mi havas molan koron. Sed ĉu io tia estas malsano? Ĉu estas manko ĉe instruisto? Mi pensis je miaj propraj instruistoj, precipe pri mia neforgesebla instruisto Bertram.

Li estis stranga homo, sed kapabla instruisto. Severeco motivigis lian tutan karakteron.

Mi memoris pri iu tago de mia juneco... kun varma spiro staris la rememoro antaŭ mi...

Iumatene dum la unua leciono. S-ro Bertram instruis pri germana lingvo. Niaj taskoj pri « La evoluo de l' dramo en la 13.-15. jarcentoj » estis transdonitaj antaŭ du tagoj. Nun S-ro Bertram priparolis la cenzuritajn kajerojn, al ĉiuj farante ĝustajn rimarkojn.

Ankaŭ mian verkaĵon li parte tralegis ree. Lia vizaĝo ruĝiĝis kiel cento da diabloj kaj kriegante subite li diris kolere: « Leginte ĉi tion mi preskaŭ elhaŭtiĝis! Vi ree havis kapricojn. Via stilo, via stilo! Ĝi jam vomige atingas mian gorĝon. Mil diabloj! fulmotondro! Ulo, tipo, ŝanĝiĝu! Alie... » Li ne povis daŭrigi.

Kvazaŭ terpomo la vorto restis en lia gorĝo...

Mi sidiĝis, tremante je la tuta korpo, pripensante, ke estas homoj, kiuj ne havas koron senteman, sciiĝante, ke tiu-ĉi instruisto tute ne havas iom da koro por sia lernantaro.

Tamen... kiel ege mi eraris!...

Sole mi promenadis alian posttagmezan libertempon antaŭ la urbo pripensante la travivaĵon de l' mateno. Ho ve, kiel mi suferis pro la maljustajo de mia amita instruisto!

Sencele mi vagadis... kaj staris subite antaŭ la domo de mia stranga kontraŭulo. Ree aŭdante lian malbenon, mia koro frapegis kaj mi rapidis. Starante antaŭ la montra fenestro de la librejo, subite mi sentis manon sur mia ŝultro. Mi ekturnis min kaj antaŭ mi staris mia instruisto.

« Bonan tagon, sinjoro instruisto » mi salutis. Per afabla, sed stranga mieno li redonis mian saluton petante min, iri al la apoteko por aĉeti medikamenton kaj alporti ĝin en lian domon. « Sed rapidiĝu, mi petas »... kun larmoj en la okuloj.

« Strange » mi pensis kaj kuregis. Ke mia instruisto povis malbeni, tion mi sciis, sed ke la sama malmildulo ankaŭ povus plori, tion mi ne komprenis.

Ekscitite mi alportis la medikamenton domen. La instruisto malfermis, dankante akceptis la deziritaĵon. Tiam li petis min eniri kaj atendi: por kunpreni leteron al la lerneja direktoro.

Kelkaj minutoj forpasis. Tiam mi aŭdis strangajn sonojn, kuradon kaj bruadon... tiam silento, tomba silento... kaj tiam subite laŭtan ekploron.

Mi ekscitiĝis kaj timis aŭdante paŝojn de mia instruisto. Rapide li preteriris kaj vidante min ekstari, ekvenis al mi, dirante per voĉo de venkita viro: « Hanso, mia filo, mia amata ĵus mortis! »..... Kaj larmoj malsekigis liajn vangojn.

« Iru kaj anoncu al la direktoro mian malfeliĉon; nun mi ne povas skribi »..... « Jes » mi respondis mallaŭte kaj kondolencis lin manpremante. Li prenis miajn manojn, premis ilin tutkore kaj rigardadis min per larmo-plenaj okuloj.....

Mi adiaŭis kaj foriris. Mia koro havis flugilojn, ĉar mi estis vidanta la mol-animan, bonan patrokoron. Nun mi spertis, ke nia severa instruisto estis bonega homo.

Kiam mi aliatage aŭdis, ke la mortinta filo estis malsana depost longaj jaroj, tiam mi ankaŭ sentis kaj sciis, kial estis tiu-ĉi rigora instruisto stranga viro.....

Post kelkaj tagoj — ni ĉiuj partoprenis la enterig-procesion — s-ro Bertram ree venis en nian klason.

Kiel frapis mia koro! Mi sidis trankvile sur mia loko. Miaj okuloj estis direktitaj al lia vizaĝo. Senvorte, anime mi volis diri al li, kiel alte mi lernis estimi lin dum nia alproksimiĝo..... kiel homo al homo.

Mi volis diri al li iamaniere, ke mi komprenis lin — kaj tiel li devus kompreni min.

Ankoraŭ mi vidadis en lian vizaĝon. Mia rigardo rigide direktis sin al li.

Li ekkaptis mian rigardon..... Ekleviĝante li vokis laŭte: « Joĉjo, kiamaniere vi rigardas min — kiel la bovoj antaŭ la monto! Ripetadu, kion mi ĵus parolis! »

Mi ekstaris kaj silentis. Larmoj alproksimiĝis — venis fino al mia latino. Ho ve! Mi estis malkomprenita, mokita je miaj plej bonaj sentoj!

« Atentu, revemulo vi! »

Mi paliĝis, mia koro tremis. Miajn okulojn mi direktis teren, ne riskante vidi en la vizaĝon de mia instruisto.

---

Tio estas la rememoro, kiu stariĝis antaŭ mi. Kaj kun rememorplena, sentema animo sekvintan matenon mi eniris lernejon.

... Jen mi ree sidis sur la katedro, rigardante tra la klaso, serĉante la rigardon de Rikardo.

Jen li sidis. Li rigardis min. Mi provis rideti por pruvi al li, ke mi komprenus lin, ke estus trovita unu vojo de koro al koro, ora ponto de la anim-unuiĝo!... Sed mi ne konstatis efikon de mia agado..... Rikardo estis kvazaŭ malaperintulo

kaj — tranĉetis en la benkon..... Post la leciono mi trapaŝis la benkojn, serĉante la lokon de Rikardo..

Jen, kion mi ekvidis! Korsignon kun amora sago!!!

... Nun mi sciis sufiĉe. De mia senteco iom estas perdita. Kaj tamen — ne estis facile al mi, doni aĉan noton en la jaratesto al tiu-ĉi lernanto. Sed mi pripensis, ke tiu ne povas akiri bonan noton en la matematiko, kiu studadas la regulojn de la amo antaŭ ol li konas la principojn de la sciencoj!

# Terura aventuro kontraŭ urso

*De D-ro Lehman Wendell.*

Kiam mi ankoraŭ estis juna knabo, mi tre interesiĝis pri Afriko, lando de mistero kaj aventuro, lando de strangaj sovaĝaj bestoj, lando de vastaj arbaroj, de tropikaj floroj kaj mirindaj insektoj. Kiel knabo mi ofte sopiris al tiu lando kaj nun, estante matura viro kun familio, kiu katenas min ĉe unu loko, eĉ hodiaŭ mi ofte sonĝas pri ekvatora Afriko kaj en miaj sonĝoj batalas furioze kontraŭ gigantaj kvarpieduloj.

Sed mi, kiu tiel deziras travivi aventurojn, neniam trovas ilin kiam mi estas en la maldorma stato. Mia vivo fluas trankvile kiel kvieta rivero, kaj ne pli teruraj aventuroj venas renkonte al mi ol kutime okazas en la ordinara rutino de ĉiutaga vivado. Unu fojon, ekzemple, en restoracio, grasa vermo rigardis min de el la supo, kaj alian fojon mi iom malsaniĝis kiam rapidpieda blato transkuris mian terpomon.

Sed fine, lastan someron venis al mi vere terura aventuro, tute laŭ klasika Afrika stilo. La afero okazis ĉe la kampara domo de mia bofrato, kiu estas pastro en vilaĝo en la centra parto de ŝtato Minnesota, kiu mem troviĝas en la nord-centra parto de Usono. Ĉe li mi kaj mia familio ofte pasigas nian someran libertempon.

Alveninte ĉe lia hejmo, lia edzino, kiu kompreneble estas mia fratino, salutis min jene: « Ho frato mia, ia sovaĝa besto ĉiunokte vizitas nian belan ĝardenon kaj detruas la plantojn. Lasttempe li ankaŭ eniris la apudan maizkampon kaj tute detruis parton de ĝi. Mi kaj la kara edzo multe laboris kulturante la ĝardenon kaj maizkampon, sed jen la frukto de nia laborado malaperas. — Ho frato, pruntedonu al mi vian naztukon, mi devas plori. »

Kio! Sovaĝa besto detruas multtagan laboron; detruas belan ĝardenon kaj grandan maizkampon! Neniam! Mi, sopiranto al aventuro, tion ne permesos! Tute ne! Se la bofrato ne povas forpeli la beston, lasu la aferon al mi. Mi dum tuta mia vivo sopiris al aventuro. Jen ĝi estas!

Post la tagmanĝo mi eliris el la domo por rigardi la difekton kaj fari miajn planojn. La ĝardeno kuŝas proksime de la domo post malgranda bosko kaj tuj post la ĝardeno estas la maizkampo. Post tio estas paŝtejo por la bovinoj, tra kiu fluas rivereto, kies bordoj estas tre marĉaj kaj gluecaj; la koto estas ĝisgenue profunda. Mi ĉirkaŭrigardis. Ĉio estis kvieta. Lia Moŝto, la Besto, estis for. Li ŝajnis diveni, ke fine alvenis bravulo, kiu estas lerta, se ne fama, ĉasisto.

Post la vespermanĝo mia bofrato eliris por purigi sian aŭtomobilon. Li preskaŭ tuj revenis kriegante: « La besto estas en la maizkampo! » Kiel eble plej rapide mi kuris en la ĝardenon. Tie ĉio estis en malordo. Legomoj kuŝis sur la tero, unuj duonmanĝitaj, aliaj tute detruitaj per pezaj piedoj. El la maizkampo venis laŭta blekado kaj la krakado de disrompataj maiztrunkoj.

Mi hezitis. Ĉu mi, edzo kaj patro, rajtas batali kontraŭ iu nekonata sovaĝa besto? Eble mi ricevos gravajn vundojn; eble la danĝera besto eĉ mortigos min. Ĉu ne estas konsilinde unue armi min per pafilo aŭ longa tranĉilo? Sed jen! Ĉe miaj piedoj kuŝis forta bastono. Mi prenis ĝin kaj mia kuraĝo revenis. Mi brave kuris antaŭen en la maizkampon kaj per mia plej teruriga voĉo ekkriis « bu! » Laŭte blekante la besto glitis sub la barilon kaj ekkuris trans la paŝtejon.

Kiam mi vidis la ĉiean difekton en la ĝardeno kaj maizkampo, mia kolero bolis. Mi ne plus pensis pri edzino aŭ infano, mi ne pensis pri parencoj aŭ amikoj, mi pensis nur pri la abomena besto, kies sangon mi deziris. Per miaj longaj negraciaj kruroj, simile al ĝirafo, mi persekutis lin kiel eble plej rapide.

Mi fine ekvidis lin neklare en la krepusko rapide kurantan al la rivereto. Je mia surprizo mi nun vidis, ke li ne estas sangsoifanta bovoviro, kiel mi unue opiniis. Li estas tro malalta, tro dikkorpa, tro mallongkrura. — Ĉu povas esti? — jes, li estas dikventra nigra urso, tia, kian oni trovas en Kanado. Kiel li sukcesis veni suden ĝis la mezo de nia ŝtato, mi ne scias. La prudento konsilis al mi, ke mi reiru al la domo kaj petu helpon, sed mia kolero, simile al pikantaj abeloj, pelis min antaŭen.

De tempo al tempo mi ekglitis sur io mola. Oni ja scias, kio okazas, kiam oni piediras en bovin-paŝtejo en la mallumo. Oni ne povas klare vidi kaj oni ofte trovas sin en iom embarasa situacio. Tio nun okazis al mi. Subite mi ekglitis sur la plej granda molaĵo el ĉiuj kaj dum mallonga eterneco mi similis al glitveturanto baraktanta sur la glacio por ke li ne falu. Kiam mi fine regajnis mian ekvilibron, mi ne plu estis kolera, tute ne; mi estis kolerega, homa vespo, preta trapiki la universon.

Ree mi kuris antaŭen, kun fajro en la okuloj kaj kun bastontenanta brako alten levita. Tiamaniere mi atingis la bordon de la rivereto. La urso staris kaptita en la mola glueca koto kaj nun furioze blekis. Mi alkuris al li kaj eksvingis mian pezan bastonon por doni al li Samsonan frapegon. En tiu sekundo kelke da luminsektoj subite lumigis la ĉirkaŭaĵon, kaj mi ekvidis, ke la granda nigra dikventra urso estas... porko.

# Amerikana sprito

Sinjoro Edison diras, ke foje li ne dormis dum 174 horoj. Tre verŝajne iu najbaro forgesis malfunkciigi la fonografon.

*(Arkansas Gazette.)*

La kotonplantistoj ĉiam ankoraŭ esperas, ke ekestos movado por instigi la virinojn porti pli multe da kostumoj el kotono. Al ni tio ŝajnas utopio. La amindaj estaĵoj apenaŭ ja portas ion konsidereblan el silko. *(Kansas City Star.)*

Pli facile estas, lavi paron da kruroj ol paron da ŝtrumpoj.

*(Toledo Blade.)*

Pagante 54 cendojn por sandviĉo en nokta klubo, ni ne komprenas, kial la farmistoj povis peti helpon.

*(Syracuse Herald.)*

Profesoro en Chicago proponis, ke oni diru al ĉiuj infanoj pli ol kvinjaraj, la veron pri Sankta Nikolao. Ni kontraŭe opinias ke ili preferus scii, kiu mortigis Rothstein-on.

*(New York Evening Post.)*

Tiuj kiuj asertas ke vegetara manĝo igas svelta, forgesas tamen la fakton, ke la elefantoj vivas vegetare.

*(Tampa Time.)*

« Je dudek jaroj estras la volo », diris Franklin, je tridek la sprito kaj je kvardek jaroj la prudento. « — Kaj poste la plenkreskintaj infanoj transprenas la estrecon! »

*(Philadelphia Inquirer.)*

« Ĉu vi deziras posedi aŭtomobilon, kiu montros al vi la mondon? » Tiel demandis anonco. Dependas nur kian mondon oni celis, la nunan aŭ la estontan.

*(The Passing Show.)*

# Dro Schulhof † 1919

## Esperanto-poeto

Pioniro de nia movado en bohema lando kaj talenta poeto, D-ro Stanislav Schulhof estis dentkuracisto en Pardubice, urbo en orienta Bohemujo. Vera apostolo de nia movado, li veturadis de loko al loko, profetante novan epokon de interpaciĝo dum tempo, kiu malfavoris tian klopodadon. Sian mondopinion, akiritan pere de Esperanto, sian tutan sopiron al pli bona homaro, sian momentan dubon pri atingo de tiu tempo de paca kunvivado li esprimas en siaj poemoj.



Sian unuan kolekton « Per espero al despero » li dediĉas al siaj gepatroj. La vorto « Despero » ne estas uzata en nia vortaro kaj D-ro Schulhof longe meditis antaŭ ol li decidis uzi ĝin. Oni riproĉis lin pro tio, ke li ne uzis la vorton « malespero, kiu tamen ne respondis al senco, kiun li volis al ĝi doni. « Malespero » estas tro forta esprimo, li celis komencan staton de skeptiko kiun li opiniis pli bone esprimi per vorto « despero ».

Post kelka tempo li aperigas kolekton de poemoj, aperintaj en gazetoj kaj titolas ĝin « Kion la vivo alportis ». Ili estas plejparte malgajaj, esprimantaj doloron de poeto, videbla el moto de Hamlet: « Kiu estas tiu, kies doloro tiel laŭte sonas kaj kies krio flugas ĝis la steloj kaj volas en terur' ilin haltigi? Jen estas mi! » Antaŭparolon skribis Marie Hankel, kiu korespondis kun li.

En jaro 1912 aperas lia tria kolekto « Aŭtunaj floroj » dediĉata al D-ro Zamenhof. Li kantas pri sia ĉiam maltrankviligita koro, senĉese vekata el sia trankvilo per novaj impulsoj, pelantaj ĝin al serĉo de plej alta idealo de bono kaj amo.

Lia lasta kolekto « Bohemaj grenadoj » estas tradukoj de diversaj ĉeĥaj poetoj.

D-ro Schulhof estis bonkora homo, sentema, kiu per sia persona influo multe atingis por nia lingvo. Domaĝe, ke liaj poemoj, montrantaj tiom da talento, ne povas reaperi.

La Esperantista klubo en Pardubice, kiu je rememoro de sia fondinto portas lian nomon, aranĝis dum Oktobro 1929 memor-vesperon kaj metis florkronon sur lian tombon. Ĉu ankoraŭ aliaj rememoris tiun bonan kaj senteman homon?

Ant. Jandik.

### VI FELIĈAJ HOMOJ ĈIUTAGAJ !

(El kolekto «Aŭtunaj floroj »).

*Vi feliĉaj homoj ĉiutagaj !*
*malrapide, lace vivo via fluas,*
*ondoj vin ne ĝenas, ventoj vin ne skuas*
*kaj regule pulsas via kor',*
*ĉe la forn' vi sidas, kie brulas ŝtipo,*
*dume sur la maro ĝemas mia ŝipo*
*kaj la vent' min pelas for kaj for.*

*Vi feliĉaj homoj ĉiutagaj !*
*tamen sekvi vivon vian mi ne volas.*
*Je senlimaj landoj sango mia bolas,*
*je la viv' sen brido, sen katen';*
*je la amo al la nuna nesimila*
*nur sopiras mia koro maltrankvila,*
*maltrankvila kor' de Beduen'.*

*Vi feliĉaj homoj ĉiutagaj !*
*Kiu el vi konas koron de l' poeto ?*
*Strangaj emocioj, nokta malkvieto*
*estas lia efektiva sort'.*
*Pro dubinda peco de fiktiva gloro,*
*pro vort' via unu brulas lia koro*
*kaj la vivo pasas sen komfort'.*

*Vi feliĉaj homoj ĉiutagaj !*
*Malproksime de vi siblas, krakas ŝipo,*
*dume vi ĉe forno, kie brulas ŝtipo*
*sidas dolĉe en vespera hor'.*
*Ĉu vi scias, ke en libro, kiun tenis*
*vi en manoj, kaj ĝin eble ne komprenis,*
*konvulsie ĝemas homa kor' ?*

---

# Tra la Libraro

*Literaturo. — Muziko. — Fakverketoj. — Lernolibroj.*

Nelacige laboras S-ro H.-L. Bulthuis por multigi niajn librojn, ĉu originalajn, ĉu tradukitajn. Lia lasta verko estas ampleksa romano: *La Leono de Flandrujo*, de Hendrik Conscience, esperantigita el flandra lingvo. Unu el la ĉefaj rekreintoj de tiu lingvo estas Conscience, kaj abunda romanverkisto. La nova traduko formas dikan volumon, tre bele presitan, sur bonega papero; tiu ekstera aspekto meritas citon, ĉar libroamantoj bedaŭras, kiam pro nescio ili aĉetis filibraĉon. Nemultaj preseraroj restis (streketo inter vorteroj ofte ne taŭgas) ; ankaŭ stilmankoj estas maloftaj (tamen: « naski, nomi, diferenca » anstataŭ « naskiĝi », elekti, diversa ») ; kelkaj francismoj krediĝas al traduko el franca lingvo, se oni ne scius tion nevera; sed ĝenerale la tradukinto atingis klaran, precizan stilon kaj evidente ame plenumis sian taskon. La « Leono de Flandrujo » estas histori-romano, laŭ speco ŝatata en lasta jarcento, iom simila al kelkaj el Walter Scott, sed malpli romaneca kaj pli historia; ofte nun tiaj verkoj malplaĉas al historiistoj, kiuj juĝas ilin tro fantaziaj, kaj al romanlegantoj kiuj plendas pro tro serioza temo. Conscience priskribas la liberecajn militojn, per kiuj la komunumoj kaj grafoj de Flandrujo defendis sian teron kaj rajtojn kontraŭ la francaj armeoj de Filipo la Bela, kaj precipe la batalon, kie ĉe Courtrai, en 1302 a, la francan nobelaron venkis la flandra burĝaro. Ni revivas tiun mezepokon, kun ĝiaj luktoj kaj krueleco, kiam dum atako la individua kuraĝo kaj fortikeco ludis plej gravan rolon. Ni bone komprenas, ke flandroj ŝatas tiun libron, eposo de ilia popolo, rakonto pri heroaĵoj de l' praavoj. Sed oni iom miras pri ĝia dediĉo al internacia legantaro. Estas tiom da perfortaĵoj, da kruelaĵoj, da sangelverŝadoj, unu partio estas tiom laŭdata, kaj la alia tiom malŝatata, en tiu libro, ke ĝi strange aperas en tempo kaj movado, kiuj pacon celas. Ĉu vere kiel diras franca aŭtoro: « Malproksime estas la tempo kiam la homoj ne plu militos, kaj kiam pentraĵoj pri bataloj estos kaŝataj for de l' rigardo, kiel malmoralaj kaj vidigantaj hontindaĵon. »

Oni nun provas movigi aŭtojn, aviadilojn per esplodaj raketoj; kelkaj tie vidas la rimedon iam foriri el nia planedo. Tial vojaĝoj al astroj estas libre kaj filme montrataj kaj ni ankaŭ, jam ekskursintaj al Marso kun « Aelita » povas rekomenci per *Ruĝa Stelo*. Multaj bone elpensintaj partoj estas en tiu ruslingva verko de Bogdanov, konata sciencisto, revolucia pioniro kaj talenta aŭtoro; la tradukon kolektive faris ok kunlaborintoj. Malkomponiĝo de radiuma substanco produktas forton forpelantan eteroŝipon en la interplanecian spacon. La scenoj, kiam maskita marsano varbas teranon al kleriga vojaĝo, la aliro al la ruĝa stelo, la vivo sur Marso, la gigantaj laboroj de ĝia loĝantaro, la amrilatoj inter ambaŭ rasoj, ĝis la finaj ĉapitroj, kie oni vice dubas aŭ kredas la realecon de l' aventuroj, la menssanecon de l' ĉefpersono, ĉio estas tre lerte aranĝita. Kompreneble Marsanoj estas multe pli evoluintaj ol ni, kaj la verkinto pentras modelojn por nia estonta socio; sed tiu instrua kaj revolucia tendenco ne estingas la aventuran kaj romanecan flankon de libro, certe interesa kaj leginda. Se enestas iom longaj malsimplaj frazoj, oni ne konsilu ĝin kiel unuan legaĵon por lernanto; sed por aliaj, tiu fantazia romano alportas samtempe distron kaj meditadon.

Estis laŭdinda ideo traduki el franca poeto Musset unu novelon: *La du amatinoj*, kaj unu komedieton: *La kapricoj de Mariano*, por montri du flankojn de la talenta verkinto. La koketaj amindumadoj, la korinklinoj de geamantoj, jen lia preferaĵo; la vorta kaj sentimenta duelo de alterne kuniĝema kaj disiĝema duopo, jen lia aparta kapablo. La tradukinto sekvis la aŭtoron en la labirintojn de l' animoj, en la disvolviĝon de l' intrigo, en la kurbiĝadon de l' frazoj. Se ne restus kelkaj facile korekteblaj lingveraroj, oni povas senrezerve rekomendi la du tradukojn, kunigitajn en plaĉa volumeto.

*Internacia Teatraĵetaro* kolektis ses unuaktajn komedietojn, originale verkitajn de diverslandaj aŭtoroj. Ili formas vivplenan legaĵon, tre taŭgan por kursoj, kie la lernantoj povas parole legi; ili ankaŭ estas facile ludeblaj por gajigi kunvenon; en kelkaj el ili, Esperanto mem estas komika risorto. Rekomendinde estus por dua eldono, plibonigi kelkajn nekorektaĵojn. La kompilinto, profesoro Kenngott en Aŭstin (Texas) per tiu ĉi libreto kompletigis serion de taŭge aranĝitaj kaj bele presitaj lerniloj. Ili certe trovos kontentigatan uzantaron en Usono kaj eĉ alilande.

Multaj jam aŭdis la nomon de juna germana aŭtoro, Ernst Toller, ĉu pro liaj verkoj, ĉu pro liaj antaŭenemaj konvinkoj, kiuj kondukis lin ĝis la malliberejo. Ĝuste tie lin vizitis hirundoj, kiuj al la malliberulo alportis distron, kuraĝon, pripensadon pri besta kaj homa sorto. Insiste la birdoj volis nesti en la ĉelo; kruele la gardisto ilin detruis. En *La Hirundlibro*, per liberaj, neregulaj modernaj versoj, la poeto kantas tiujn okazintaĵojn, altigante ĝis filozofa rezonado, ĝis lirika inspiro la eĥon de l' humila birdvivo. Bona traduko permesos al samideanoj ĝui tiun poemaron, eldonitan en bindita libreto ornamita de du lignogravuraĵoj.

Ni jam anoncis duan eldonon de la tekstaro de *Internacia Kantaro* de P. Bennemann. Ankaŭ nove reeldoniĝis la *Muzika Eldono* kun 150 melodioj por kanto kaj akompano. La laŭdoj diritaj pri la Tekstaro estas ripeteblaj por la muzikaro. La kantaro pli ol duobliĝis; la laboro por kolekti, traduki, muzikaranĝi tiom da diversdevenaj arioj estas perfekte plenumita. Vera trezoro por poezi — kaj kantamantoj estas tiu albumo zorge eldonita de firmo Hirt kaj filo. Tuj ricevinte ĝin mi pruntedonis ĝin al nevino, kiu ludas fortepianon; ŝi ne plu lasis la libron, ĝis ŝi estis ĉion ludinta kun videbla plezuro, ofte kunkantante la konatajn melodiojn kaj logante parencojn al sama kunago. Se kolekto tuj ricevas tian ĝojan akcepton ĉe simplaj homoj, jen plej valora pruvo pri ĝia bonegeco.

Ne ampleksa, sed tre atentinda, estas nova verketo de E. Drezen kun titolo: *Zamenhof*. Du partoj en ĝi: unue, studo pri la Zamenhof'a mondkoncepto, kie la aŭtoro resumas la etikajn ideojn de nia majstro, t.e. la, tiel nomata, interna ideo, homaranismo, religia sinteno, pacismo; due konsideroj pri la eltrovinto kaj teoriisto de lingvo internacia, kun ĉapitroj pri ĉefaj principoj, karakteroj, kolektiva kreado, kaj estonta rolo de Esperanto. Loke polemikaj kaj diskuteblaj, la diroj de Drezen estas ĉiam interesaj kaj lia libreto, flanke de: Vivo de Zamenhof (Privat), kaj de la historio de nia movado, helpos pli funde ekkoni la fonton, konsiston, gravecon de nia movado.

La raporto pri *Unua internacia kongreso de kontraŭmilitaj predikistoj*, kiu okazis en Amsterdam, je 13-15 aŭgusto 1928, estas presata en kvar lingvoj, franca, angla, germana kaj esperanta; ĝi estas sufiĉe detala por liveri la esencon de l' faritaj paroladoj kaj okazintaj diskutoj. Utila dokumento por tiuj, kiuj okupas sin pri kontraŭmilita agado. Listo de partoprenintoj kaj ties foto estas aldonitaj.

Sub titolo *Granda en Malgranda*, broŝuro kunigis la faktojn utilajn por konvinki laborantojn ĉe Poŝto, Telegrafo, Telefono kaj Radio pri neceso de Esperanto; spertoj faritaj en U.S.S.R. servas kiel bazo. Prave rediras la aŭtoro: « Pro nuna lingva konfuzo, la plej valora sperto de mondkulturaj konkiroj en nia jarcento de radio, elektro kaj aeronaŭtiko, laŭ kruela ironio de l' sorto, je 90 % ne estas uzata kaj malaperas ». La libreto bone plenumas sian celon per taŭga argumentaro kaj dokumentoj.

Samcele estas la broŝureto: *Mia dialogo kun poŝtestro*, rakonto de Ĉeĥov, kun tekstoj ruslingva kaj esperanta sur kontraŭaj paĝoj. Ĝi samtempe montras kio estis poŝtservo en antaŭa epoko, kiam « por ekspedi per poŝto unu rublon, oni bezonis elspezi minimume du rublojn », kaj estas uzebla kiel lernilo.

Per demandoj kaj respondoj detale informas pri Paneŭropo la broŝuro: *Kion volas Paneŭropa Unio*, kun teksto esperantigita de D-ro E. Sós.

Nova lernolibro estas la Kurs i Esperanto, de F. Linden, por Svedoj, ĉu memlernantoj, ĉu kursanoj. Bele eldonita libro kun 20 lecionoj bazitaj sur tekstoj unue dulingvaj, kaj la necesaj gramatikaj klarigoj.

Por Germanoj S-roj Jung kaj Winger, la praktikanto kaj la pedagogo unuigintaj siajn spertojn, pretigis *Das leichte Esperanto;* la titolo precize diras kion celis la verknitoj. Taŭge aranĝita, kun sufiĉa vortprovizo, multaj bone elektitaj ekzemploj, klarigoj, demandaroj kaj tradukekzercoj, ĝi certe ebligas akiri, per 12 vesperoj (lecionoj) kaj legotekstoj, jam ŝatindan scion priesperantan.

Fine, jen nova « Ŝlosilo de Esperanto » por litova lingvo: *Esperanto raktas*, kun la konata enhavo, pliigata de komerca vortareto.

G. S.

# TRA LA MONDO ESPERANTISTA




*Adreso por leteroj :* Sekretario, 22a Universala Kongreso de Esperanto, 142 High Holborn, London W.C.1, Anglujo.

*Kotizo :* Por ĉiu kongresano senescepte : 20 silingoj britaj (proksimune 20 germanaj ormarkoj, 25 svisaj frankoj, 125 francaj frankoj, 12 nederlandaj guldenoj, 5 usonaj dolaroj). Oni sendu la kotizon (per registrita letero) antaŭ la 1-a de julio. *Post tiu dato la kotizo estos* 30 *ŝilingoj.* Aliĝu jam nun kaj helpu la laboron de la L.K.K.

*Kotizo por Infanoj:* Kiuj ne havas pli ol 15 jara, 5 ŝilingoj.

*Help-Kongresanoj :* Tiuj, kiuj ne povas ĉeesti la Kongreson, povas tamen aliĝi kiel help-kongresanoj por 10 ŝilingoj. Ili ricevos la kongres-insignon kaj dokumentojn post la Kongreso.

*Statistiko de aliĝoj.* — Anglujo: 157; Beljugo: 6; Danlando: 2; Francujo: 9; Germanujo: 18; Hispanujo: 1; Hungarujo: 1; Irlando: 1; Italujo: 2; Japanujo: 1; Kimrujo: 2; Nederlando: 4; Polujo: 5; Saar: 2; Skotlando: 26; Svislando: 1; Usono: 1. Sume: 239 el 17 landoj.

(Intern. Language) C. C. GOLDSMITH.
Marto. *Sekretario.*

---

## Somerkursoj pri angla lingvo

La Universitato de Oxford organizas por fremduloj belan programon de kursoj kaj prelegoj en kaj pri angla lingvo kaj civilizo, de Julio 29 al Aŭgusto 15. La kongreso de Esperanto kunvenos de Aŭg. 2 al 9. Estas verŝajne, ke multaj eksterlandaj instruistoj aŭ interesatoj profitos tiun maloftan okazon por pliprofundigi sian konon de la angla lingvo kaj literaturo.

Prelegoj de konataj profesoroj temos:

1) pri angla poezio, anglo-saksa, mezepoka kaj pliposta, pri Chaucer, Sackville, Spencer, Milton, Dryden kaj Pope.

2) pri angla lingvo, ĝia deveno, la ĝusta uzo de vortoj, la konstruo de frazoj, skribo kaj parolo, ĉiutagaj eraroj.

3) pri fonetiko.

4) pri nuntempa literaturo: romanoj, poezio kaj dramo.

5) pri nuna Anglujo, ĝia konstitucio, politika, religia kaj socia vivo.

Klasoj kaj lernogrupoj estos organizitaj por personoj ĉu ne spertaj, ĉu instruistoj.

Ekzamenoj (nedevigaj) ankaŭ okazos kaj atestoj estos riceveblaj. La kursaro kostos 4 funtojn sterlingajn. Loĝado kaj manĝado estos riceveblaj je moderaj prezoj por enskribitoj fruaj (antaŭ 15 Junio ĉiuokaze).

Ankaŭ rabaton sur fervojoj kaj ŝipoj el Nederlando, Belgujo kaj Francujo, la enskribitoj ricevos per speciala rajtigilo.

Por pli detala programo, informoj kaj adresoj de kontinentaj delegitoj de la Universitato de Oxford, sin turni al:

Rev. F. E. Hutchinson, Rewley House, Wellington Square, Oxford;

aŭ al: S-ro Fernand Herbert, 48, Rue du Général Foy, Paris VIII;

aŭ al: Deutsch-Akademisches Institut für Studienreisen, Wilhelmstrasse 45, Berlin W. 66;

aŭ al: D-ro M. M. V. von der Möhlen, Minervalaan 15, Amsterdam (Zuid).

---

## En kelkaj linioj...

*** La Internacia Transportlaborista Federacio, Amsterdam (Adreso: Vondelstraat 61) eldonas nun informojn por la gazetoj sub nomo « Komunikoj por la gazetaro » en Esperanto, per multobliga procedo. Estas la unua profesia (laborista) korporacio kiu uzas Esperanton por siaj oficialaj komunikoj.

*** El la Januara numero de la revuo « Handelswetenschapen » (Komercaj sciencoj) redaktoro D-ro Jac. Kalma ni ĉerpas la jenon:

« Ĉiam denove devas esti montrata la mizero de nia instruado, kiu instruas tion al lerantoj kion ili precize ne bezonas; oni ŝarĝas ŝipon kun balasto, dum sufiĉe da ŝarĝo kuŝas sur la kajo. Oni devus ĵeti en la akvon la grekan lingvon kaj historion, sed instrui Esperanton kaj sociologion. Nia civilizacio ne suferus de tio. » (Jen diskutinda temo. Red.)

*** En Düsseldorf, Germanujo, la tramistoj sciantaj Esperanton portas rubandon kun teksto — Esperanto parolata —, laŭ permeso de la administracio, la Rheinische Bahngesellschaft.

M. E.

*** La Urba konsilantaro de Kortrijk-Courtrai en Belgujo voĉdonis subvencion de mil frankoj por helpi la senpagajn kursojn, organizitajn de la loka esp. grupo.

*** La sveda monata ŝakĵurnalo « Schackvärlden » enkondukis esp. kolonon kiu akceptas kunlaboron de ĉiuj ŝakistoj, dezirantaj publikigi problemojn, interludojn aŭ raportetojn el la ŝaka vivo. Korespondaĵoj estu sendataj al S-ro Torsten Lindberg, Prässebo, Svedlando.

*** D-ro John Buchanan, London, testamente lasis la sumon de 4.000 L. St. (Centmil svisajn Frankojn) por aranĝo de kursoj de Esperanto ĉe la Universitato de Liverpool.

# LINGVAJ STUDOJ

## Pri eraroj de Angloj

Tipa demando, eĉ peto, venis de bonega anglalingva samideano, kiu legis niajn rimarkojn pri eraroj de francoj aŭ germanoj. « Bonvolu ankaŭ montri la niajn », li skribas, « vi faros al ni plezuron ».

Estas ja konate, ke ĉiatempe Londonanoj amase alkuris al Westminster por aŭdi faman Kardinalon, kiu dediĉis tutajn predikojn al severega priskribado de iliaj ĉiuspecaj pekoj. Nun, en pli moderna epoko, ili same atendegas sub pluvo kaj amase enpuŝiĝas por aŭdi prelegojn de irlanda verkisto Bernard Shaw, kiu amuzas ilin kaj sin per senkompata primokado de ĉiuj iliaj plej tradiciaj kredoj kaj kutimoj. Nenion ili pli ŝatas.

« Estas ja viglige », ili diras, kaj vi ja vidas la sinjorinojn samcele marŝegi sub pluvo aŭ neĝo sen ombrelo por ricevi refreŝiĝigajn gutojn aŭ glacieretojn en vizaĝon. « Estas viglige ».

Vivu tiu kuraĝa popolo, kiu bonvenigas kontraŭdiron kaj kritikon postulante neniun alian milolgon al nuran etan cron de amika humoro ĉe l'angulo de ridetema lipo!

Sed kiel plezurigi nian bonan korespondanton? En Esperanto la Angloj pekas, ne tiom skribe, kiom parole. Kio ĝenas iliajn komencantojn, tio estas elparoli niajn simplajn kvin vokalojn per nur kvin tute puraj sonoj. En ilia nacilingvo la feliĉon kaj sukceson oni trovas nur en duoblaj diftongoj kiel aŭ, ej, ej, oŭ. Kiam Anglo ĉesigis disrompon de vokaloj, li parolas jam bonege.

Kaj lia stilo estas facile bona kaj klara, se li nur klopodas aŭdi ĝin per oreloj kaj eviti iom « hakitan » sekecon, akceptante la harmonian ritmon de Esperanto, kiu ligas la vortojn kune kaj ne ŝatas maldolĉajn renkontojn.

Tiu ritmo estas tre diferenca de la angla, kiu konsistas el sinsekvo de unusilabaj vortoj eksplodsimilaj. Ankaŭ en tiu sinsekvo la anglaj poetoj kaj stilistoj metas belegan ritmon, sed ĝi estas tre malsama de la esperanta. Kontraŭe en la vortordo kaj en multaj aliaj punktoj ekzistas rimarkinda parenceco, kvankam Esperanto estas pli libera en konstruado. Jen ekzemplo elĉerpita el bona traduko el angla lingvo :

« *Devas esti komprenata tio, ke nek per vorto, nek ago mi estis doninta al F. kaŭzon por dubi mian bonvolon.* »

Nenion malkorektan vi trovos en ĉi-tiu frazo, sed ĝi sonas malagrable. Kial ne diri « *Komprenu, ke neniam, ĉu vorte, ĉu fare, mi donis al F. ian kaŭzon pridubi mian bonvolon* »?

Vi ne konstatas diferencon. Ĉu vere? Tiam vi legis nur okule, ne laŭsone. Daŭrigu pri la sama traduko : « *Maljustaĵo estas ne rebonigita, se puno atingos al la reboniganto. Ĝi estas egale ne rebonigita, kiam la punanto malsukcesas sentigi sin kiel tio al tiu, kiu faris la maljustaĵon.* »

Tio estas lingvo artefarita, ne parolo vivanta. Legantoj ne kuraĝas pacienci kaj fermas la libron pro tedo. Ne sufiĉas korekteco por verki. Oni bezonas ankaŭ senton pri la ritmo de la lingvo, ian parencecon kun fluo de rivero, kiu evitas kiel eble rokaĵojn.

Ĉe Angloj mi ĝis nun ne rimarkis ĝuste tiujn stilajn apartaĵojn, kiujn mi notis ĉe Francoj kaj Germanoj en antaŭa artikolo. Sed kio mankas ofte, tio estas la ritmo, la kutimo aŭskulti eĉ tion, kion oni skribas. La rezultato estas enuo ĉe la leganto. Male oni devas celi, ke li ricevu plezuron. Alie la intereso ne kapablas daŭri.

Edm. P.

## Esperanto : kial kaj kiel

de REUBEN ALGOT TANQUIST.

(Resumo de tezo, kiun verkis la aŭtoro por la akiro de filozofia doktoreco ĉe la Universitato de Minesoto.)

Kiam ajn komenciĝas nova movado estas tute nature, ke homoj faru pri ĝi la jenajn demandojn: « Kial ĝi komenciĝis? » « Kial homoj interesiĝas pri ĝi » « Kia estas ĝia celo ? » « Kiamaniere oni propagandas ĝin ? » Tiujn demandojn oni rajtas fari, kaj al ili oni rajtas postuli respondojn antaŭ ol la gvidantoj de la movado rajtas peti ies subtenon.

En studo, farita de la aŭtoro de tiu ĉi artikolo ĉe la Universitato de Minesoto, ĉi tiuj demandoj rilatantaj al Esperanto estis responditaj de 750 individuoj, kiuj interesiĝis pri Esperanto [1]. Iliaj opinioj haviĝis per demandaro sendita al Esperantistoj en Nord-Ameriko, Granda Britujo, Kontinenta Eŭropo, kaj Aŭstralio. La demandaro enhavis demandojn pri la sekso, aĝo, eduko kaj okupo de la informanto kaj la jaro de lia esperantiĝo. Sube en resumita formo estas la respondoj al ĉi tiuj demandoj. Ili servos kiel bazo por la diskuto, kiu pli poste sekvos.

*Informantoj klasitaj laŭ Geografiaj Grupoj*
*Amerika* 188: *Brita* 232: *Eŭropa* 335.

La Amerika grupo ampleksas Usonon kaj Kanadon; la Brita grupo, Grandan Britujon kaj Aŭstralion, kaj la Kontinenta Eŭropa grupo ampleksas ĉirkaŭ dudek landojn, kvankam la plimulto de la respondoj el ĉi tiu grupo venis el Germanujo, Aŭstrio kaj Hungarujo.

*Proporcio laŭ sekso.*
Viroj 66 %. Virinoj 34 %.

*Informantoj klasitaj laŭ aĝ-grupoj.*

| | |
|---|---|
| Malpli ol 20 jaraj | 25 % |
| 20 - 29 | 31 % |
| 30 - 39 | 22 % |
| 40 kaj pli | 22 % |

*Informantoj klasitaj laŭ periodoj da jaroj, en kiuj ili komencis studi Esperanton.*

| | |
|---|---|
| Antaŭ 1910 | 18 % |
| 1910 - 1919 | 17 % |
| 1919 - 1927 | 64 % |

*Informantoj klasitaj laŭ specoj de lernejoj en kiuj ili laste studis.*

| | |
|---|---|
| Elementa lernejo | 30 % |
| Supera lernejo | 39 % |
| Universitato | 16 % |
| Komerca lernejo | 4 % |
| Lernejo por Instruistoj | 4 % |
| Neklasitaj | 7 % |

*Informantoj klasitaj laŭ okupo en la tempo kiam ili eklernis Esp.*

| | |
|---|---|
| Nemetiistoj | 3 % |
| Duon-metiistoj | 6 % |
| Metiistoj | 11 % |
| Duon-profesiaj | 24 % |
| Profesiaj | 26 % |
| Studentoj | 18 % |

[1] Ĉirkaŭ 300 respondoj venis al la Universitato post la aperc de la tezo. L. W.

| | |
|---|---|
| Dom-mastrinoj kaj aliaj ĉehejmaj virinoj | 10 % |
| Terkulturistoj | 1 % |
| Neklasitaj | 1 % |

*La Demandoj 'Kial' kaj 'Kiel' Respondataj.*

La demandaro ankaŭ enhavis la jenajn demandojn: « Kial vi interesiĝis pri Esperanto? », « Kiel vi interesiĝis? », kaj « Kiamaniere vi lernis Esperanton? ». Ĉi tiu artikolo temas ĉefe pri la respondoj al la supraj demandoj.

Diversaj kialoj pro la interesiĝo pri Esperanto montriĝis en la respondoj, ekzemple internaciaj rilatoj, vojaĝo, lingvistiko, korespondado, kaj aliaj. Sub Internaciaj Rilatoj oni enkalkulas pacon, internaciismon, kaj la fratecon de l'homaro.

*Kialoj por Interesiĝo pri Esperanto.*

| | |
|---|---|
| Internaciaj rilatoj | 29 % |
| Lingvistiko | 24 % |
| Korespondado | 14 % |
| Vojaĝo | 13 % |
| Politika kaj Religia Propagando | 8 % |
| Distreco | 4 % |
| Kolektado | 3 % |
| Radio | 2 % |
| Neklasitaj | 3 % |

La supraj respondoj ilustras, iomgrade, du diversajn principojn la teorian pri individua diferenceco, kaj la teorion pri la unuformeco de la homa naturo. Individua diferenceco montriĝas per la diversaj valoroj, kiujn la informantoj vidas en internacia lingvo. Jen sola institucio servas diversajn bezonojn en diversaj individuoj pro varieco en specifaj interesoj. La unuformeco de la homa naturo, malgraŭ geografiaj landlimoj, estas ilustrita per komparo de la trigeografiaj grupoj. Laŭ ordo de graveco la kialoj sin montras proksimume samaj en la tri grupoj.

La peroj, per kiuj la informantoj ekinteresiĝis pri Esperanto oni povas dividi en du grupojn: senpera kontakto kaj pera kontakto. La senpera kontakt-stimulo aludas al informoj ricevitaj per vizaĝo kontraŭ vizaĝo kontaktoj de amikoj, parencoj, kunlaborantoj, instruistoj, kaj Esperanto-propagandaj kunvenoj. La pera kontaktstimulo aludas al informoj ricevitaj el taĝĵurnaloj kaj gazetoj, el Esperant-propaganda literaturo, afiŝoj, kaj radio-paroladoj. La jena tabelo liveras la relativan gravecon de ĉiu speco de stimulo.

*Peroj laŭ kiuj la Informantoj ekinteresiĝis pri Esperanto Klasitaj laŭ Kontakt-grupoj.*

| *Senpera Kontakto.* | | *Pera Kontakto.* | |
|---|---|---|---|
| Viroj 58 %. | Virinoj 73 %. | Viroj 42 %. | Virinoj 27 %. |

Ĉi tiu tabelo montras, ke la senpera kontakt-metodo multe pli efikas ol la pera kontakt-metodo, precipe ĉe la virinoj. La studo ankaŭ montras, ke la personoj kiuj ekinteresiĝis pri Esperanto antaŭ ol ili havis dudek jarojn, estis influataj pli per senperaj kontaktoj ol personoj havantaj pli ol dudek jarojn. Ju pli aĝaj la informantoj estis, des pli ili estis influataj per presitaj artikoloj.

La lasta demando rilatas al la metodo per kiu la informantoj lernis Esperanton. Nur en la lastaj Esperanto eniris en la lernejojn. Pro tio la plimulto de la Esperantistoj devis lerni la

La lasta demando rilatas al la metodo, per kiu la informantoj lernis la lingvon en iu lernejo [1].

[1] Se S-ro Tanquist estus verkinta sian tezon antaŭ dudek jaroj (la jaro en kiu la tradukinto esperantiĝis), la procentajo estus multe pli malalta. Ĝojiga fakto.

*Informantoj klasitaj laŭ metodo per kiu ili lernis Esperanton.*

| | |
|---|---|
| Memstudado | 32 % |
| Privata Kurso | 30 % |
| Esperanto-grupo | 24 % |
| Supera lernejo | 6 % |
| Vesper-lernejo | 3 % |
| Radio-Paroladoj | 2 % |
| Elementa lernejo | 2 % |
| Universitato | 1 % |

*Konkludo.*

Se la intereso pri Esperanto daŭre kreskas, sendube la nombro da lernejoj, en kiuj oni instruos la lingvon, pliiĝos. Estas tute nature, ke la lernejestroj de nia lando kaj de aliaj landoj hezitas enlasi en siajn kursojn kompare novan temon antaŭ ol ĝia valoro estas pli vaste montrita, aŭ antaŭ ol ĝia bezono estas pli forte sentata. Pro la konstante kreskanta interdependeco de la nacioj la bezono por komuna interkomprenigilo pli kaj pli kreskas. Kelkaj ŝtatistoj, vidas en la universala akcepto de helpa lingvo potencan rimedon por la efika funkciado de internaciaj kongresoj.

Esperanto, laŭ ĝiaj subtenantoj, plenumas la postulojn de internacia helpa lingvo. Ĝi estas ricevinta la subtenon de la grupoj supre menciitaj, kiel ankaŭ de aliaj grupoj. Ĝia rimarkinda simpleco kaj ĝia facila lernebleco estas gravaj punktoj por Esperanto. La fakto, ke Esperanto ne estas bazita sur unu sola nacia lingvo malhelpos la eniron de naciaj ĵaluzoj kontraŭ ĝia disvastigo. Se la Esperanto movado daŭre kreskas, la diversaj faktoroj, kiuj nun influas ĝian kreskadon, ne necese restos identaj kun tiuj montrataj en ĉi tiu verko.

La jena studo montras vastan diversecon de okupoj ĉe la Esperantistaro. Tamen, la profesiaj kaj duon-profesiaj grupoj enkalkulas duonon de la tuto, dum la student-grupo enhavas nur 18 procentojn. Kun la ĝenerala enkonduko de Esperanto en la lernejojn, estas tute nature, ke la student-grupo fine superus la aliajn laŭ graveco.

Laŭ sciigoj jam supre faritaj pri la faktoroj, kiuj ekinteresigis la informantojn pri Esperanto, la graveco de la senpera kontakt-stimulo variis inverse kun la aĝo de la individuo. Pro tio ke la pliiga enkonduko de Esperanto en la lernejojn rezultus al pli frua kontakto kun la lingvo, ni rajtas atendi plian gravecon de la senpera kontakt-metodo.

La aĝo de la individuo, kiam li unue ekinteresiĝas pri Esperanto, estos grava faktoro pri la kialo de lia interesiĝo. Oni ne rajtas atendi, ke la dek- aŭ dekkvin-jarulo tiom interesiĝas pri mondpaco kiel la viro aŭ virino maturaj. Aliaj faktoroj, sendube eniros, kiam la studento komencas studi la lingvon devige. Dum la infano ekmaturiĝas, tamen, li eble trovos pli gravajn kialojn por sia subteno de la movado. En jaroj estontaj la intereso pri radio sendube servos kiel pliige potenca stimulo por la disvastigo de internacia lingvo.

Kiel pero por la lernado de Esperanto la radio sendube ludos gravan rolon. En Minneapolis, Usono, ĉiusemajnaj lecionoj en Esperanto estis dissendataj per radio lastan lernejjaron (1926-27) de membro de la fakultato de la Universitato de Minesoto. Tiom do intereso montriĝis, ke oni ankaŭ en 1927-28 daŭrigos la dissendadon.

Ĉu la Esperanto-movado daŭre kreskos ĝis ĝi kovras la mondon la estonteco montros.

Ekzistas forta bezono por internacia lingvo. La venontaj jardekoj eble decidos ĉu Esperanto plenumos la bezonon.

*Tradukis D-ro Lehman Wendell,*
*Universitato de Minesoto*

## Internacia Polica Ligo

### *Al niaj liganoj !*

La reorganizo de nia faka ligo de esperantistaj policistoj ĉiulandaj celas:

1-e: Liberigi la fakan ligon de la ĝisnuna miksaĵo de dekdu diversaj fakaj organizoj sub la kolektiva nomo « Tutmonda Ligo de la Ordo », ĉar tia organizmetodo fakte malhelpas atingi nian celon.

2-e: Centralizi nian tutan forton kaj energion al nia ĉefa tasko: Propagandi Esperanton inter la policanaro tutmonda kaj enkonduki Esperanton kiel internacian policlingvon. Estu atingata, ke la tutmonda serĉ-persekuta organo, la « Internacia Publika Sekureco » (Internationale Oeffentliche Sicherheit) aperu en Esperanto, por ke estu forigataj ĉiuj malfacilaĵoj pri la disvastigo de tiu grava serĉ-persekuta organo ĉe la policestraroj de la tuta mondo.

3-e: Laŭ niaj sperto kaj konvinko ni nur atingos nian celon en interkonsento kun Universala Esperanto-Asocio pri interŝanĝo de servoj, kontrakte fiksitaj. Krome ankaŭ la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado en Genève deklaras sin preta, disponigi al nia ligo helpon en ĉiu kazo de bezono.

4-e: La jarkotizo inkluzive gazeto estas RM 6 (sv. fr. 7,50) pagenda per poŝtmandato al la ĉefkasisto A. Gräfe, Leipzig, C. 1. Wächterstrasse 5, Polizeipräsidium. Aliĝo al la Internacia Polica Ligo estas senpage por fakuloj kiuj jam estas membroj de la Universala Esperanto-Asocio.

5-e: Nia jarĉefkunveno okazos regule ĉiujare kun kaj dum la Universala Kongreso de Esperanto, do en ĉi tiu jaro en Oxford. Ĝis tiam la provizora estraro prezentos taŭgan planon pri nia reorganizita ligo. Nia provizora estraro estas:

*Prezidanto:*

D-ro M. RUTH, Adjunkto de l' estro de la Federala Polica Departemento en Bern.

*Vicprezidanto:*

P. BEIER, registara konsilisto, ĉefo de kriminala Oficejo en Plaŭen.

*Redaktoro:*

A. POHLE, kriminala komisario en Dresden.

*Ĉefkasisto:*

A. GRÆFE, Administra Inspektoro en Leipzig.

*Direktoro:*

P. TEUCHNER, kriminala inspektoro (pens.) en Leipzig.

La provizora estraro invitas la membraron, viziti multnombre nian jarĉefkunvenon kiu okazos Lundo, la 4an de Aŭgusto posttagmeze en la urbdomo de Oxford.

La sekretario de 22-a Universala Kongreso de Esperanto notis ĝin kiel fak-kunvenon kaj promesis, ke li volonte aranĝos informon de la policĉefo en Oxford kaj inviton, ke li persone vizitu nian aranĝon kaj ke li iniciatu siajn subulojn, ĉeesti.

Supozo nature estas, ke iaj liganoj en sufiĉa nombro sin anoncos kaj venos por partopreni la kunvenon.

Estas rekomendinda fariĝi tre baldaŭ ano de Universala Kongreso, por ke ĉiu vizitanto de nia kunveno samtempe travivu la ĝuon, prezentita per Universala Kongreso de Esperanto.

La ligmembroj estas petota, ensendi al subskribinto dezirojn pri vizito de la kunveno kaj proponojn pri fiksado de la tagordo.

Pri pluaj informoj mi tre volonte estas preta.

P. TEUCHNER
*Admin. Direktoro de Internacia Polica Ligo.*
Leipzig, 0.28. Eisenbahnstrasse No. 111. b.

## Esperanta Radio Programo




Komisiono de I.C.K.: Radio-statistiko.

Redaktas: J. Jungfer, Lindenstrasse 10, Lübben, N. L. Germ.

*La tempo estas tiu de Meza Europo.*

La vintra tempo de la meridiano de Greenwich (GMT) estas unu horo pli frua [Novajoj.

*Mallongigoj:* K = Kurso. P = Parolado, parolas. Nov. =

DIMANĈO

08.30. — *Langenberg*, 473 m., Aachen, Köln, Münster. Par.: A. Dormans. — 30 min.
10.00. — *Eskilstuna*, 246 m., Par.: A. Agren. — 30 min.

LUNDO

20.30. — *Lille*, P.T.T., Nord, 265 m., Par.: A. Trotin. — Esplorado de la Gramatiko kun komentarioj. — 30 min.

MARDO

19.00. — *Bern*, 403 m., Par.: J. Schmid. — K. — 30 min.
19.55. — *Torino*, 291 m., Par.: Prof. D-ro Canuto. — Esp. literaturo kun italaj klarigoj. — 30 min.

MERKREDO

18.35. — *Stuttgart*, 360 m. Freiburg. — Par.: D-ro Vogt. — El Originala Verkaro. — 30 min. — Ĉiun 2an Merkr.
18.45. — *Wien*, 516,3 m., Graz Innsbruck, Klagenfurt, Linz. — Par.: W. Smital. — 10 min.
19.30. — *Danzig*, 453 m., Königsberg 276 m. — Par.: B. Aeltermann. — K. — 30 min. — Ĉiun 2an Merkredon.

JAŬDO

18.30. — *Paris P. T. T.*, 447 m. Par.: C. Rousseau. — K. — Profesoro Cart: Kp. por instruistoj. — 60 min.
21.30. — *Lyon-la-Doua*, 406 m., Par.: G. Pouchot. — K. — 15 min.
21.40. — *Kaunas*, 1.935 m., Par.: J. Kutra. — 20 min.
22.30. — *Uddevalla*, 283 m., Par.: E. Dahl. — N. — 30 min.
22.30. — *Moskva*, 720 m. — K.

VENDREDO

18.05. — *Leipzig*, 259 m., Dresden., Par.: Prof. D-ro Dietterle. El literaturo kaj movado. — 15 min. Ĉiun 2an Vendr.
18.30. — *Ljubljana*, 572 m. — K. — 30 min.
19.00. — *Stuttgart*, 360 m., Freiburg. — Par.: Prof. Christaller. — P. — 5 min.
20.15. — *Genève*, 760 m., Par.: P. Bouvier. — K. — 15 min.
20.25. — *Minsk*, 700 m., Par.: S. Snejko. — 30 min.

SABATO

16.40. — Huizen, 1.071 m. — P. Heilker. — K. — 30 min.
18.00. — *Breslau*, 325 m., Gleiwitz, 253 m., Par.: E. Suchan.
19.00. — *Königsberg*, 276 m., Dantzig. — P. — 5 min.
20.05. — *Tallinn*, 296 m. — Tartu. — N. — Pri Estonio. — 10 min.
19.18. — *Zürich*, 459,4 m., Par.: R. Unger. — K. — 10 min.
23.15. — *Bruxelles*, 508,5 m. — P. — 5 min.

## :: Esperantista Parolejo ::

### ALVOKO

Laŭ iniciato de « Cooperation Intellectuelle » (Intelekta Kooperado), fondiĝis en Parizo « Comité Permanent de la Correspondance Scolaire Internationale » (Konstanta Komitato por niternacia Interlerneja Korespondado). Prezidanto estas Profesoro M. Garnier en Parizo. Aliĝis Germanujo, Anglujo, Ameriko, Francujo, Italujo, Rumanujo kaj Svisujo. La korespondado okazis ĝis nun en la naciaj lingvoj.

En Decembro 1929 oni starigis komitaton en Nederlando por kunlaboradi. La celo estas individua korespondado inter lernantoj ĝis 21 jaraj.

Tiu ĉi komitato konsentis ankaŭ peradi korespondaĵojn en Esperanto. La sekretariino, S-ino D-rino M. Nieuwenhuis von Uexküll Güldenband jam fervore lernas Esperanton.

Nun ni povos montri al tiu ne-Esperanta Komitato, ke per Esperanto la korespondado plej multe efikas, ke en la tuta mondo jam estas infanoj kaj gejunuloj, kiuj kapablas rekte interrilati.

Instruistoj kaj gejunuloj, mi petas vian kunlaboron!

Sendu leteron al S-ino D-rino M. Nieuwenhuis, Jan van Goyenkade, Leiden, Nederlando kaj aldonu:

Nomon, antaŭnomon, sekson, lernejon, adreson, profesion de la patro aŭ edukanto. Ankaŭ la temon, pri kiu vi preferas korespondi.

De la partopreno dependos, ĉu ni daŭrigos aldoni Esperanton por la korespondado. Montru, ke ni ekzistas!

Julia ISBRÜCKER, Hago.

### HELPO !

Sofia Esperantista Societo bezonas por sia ekspozicia propagandkesto esperantaĵojn. Pro tio ĝi petas administraciojn kaj estrarojn de foiroj, lernejoj, ministrejoj, firmaoj sendi al la adreso de S-ro Hugo Bär, Sofia (Bulgarujo), strato Veliko Tirnovo 20, — senpage gazetojn propagandilojn kaj ĉiujn propagandaĵojn, kiuj montras praktikan uzadon de Esperanto en la tuta mondo. Sendu samtiel nacilingvajn decidojn, eble kun traduko en esperanto, aŭ proponojn pri oficiala enkonduko de E. en lernejoj, ĉe poŝtsitoj, policistoj, kongresoj, k.t.p.

Koran dankon al ĉiuj, kiuj bonvolas helpi al ni antaŭenpuŝi Esperanton en Bulgarujo!

*Sofia Esperantista Societo.*

---

## Esperantista vivo

### Fianĉiĝoj

S-ro Tiberio Morariu, Ĉefdelegito de UEA por rumana teritorio, nuntempe en Svedlando, kun F-ino Lizzie Andersson en Orebro, Sved.

S-ro Erik Gadd, juristo, ano de UEA el Helsingfors kun F-ino BeritBroms en Jääski, Finnlando.

### Edziĝoj

S-ro Lao Weiss, del. de UEA en Balani, Rumanujo, kun F-ino Mario Nagy en Covasna.

S-ro S. Procupeti en Cimislia (Rumanujo) kun F-ino Ester Rabinovici, instruistino, en Cimislia.

S-ro Georgi Savov, poŝtestro Gara Dabrovo kun S-anino Kanjo Popova, Bulgarujo.

## :: Esperanto en la praktiko ::

### Stockholm

Dum la nuna jaro okazas ekspozicio de Sveda arto kaj hejma slojdo en Stockholm. La direkcio de la ekspozicio eldonis longforman faldprospekton kun bildoj en Esperanto, plaĉe presita.

### Dresden

Internacia Ekspozicio de Higieno okazanta en la nuna jaro eldonis same belan lkse presitan faldprospekton en Esperanto. Oni povas ĝin ricevi pere de la Reklama Servo de UEA. Dum venonta monato ĝi estos dissendata al ĉiuj Delegitoj de UEA. Krom tio la Direkcio eldonis glumarkojn kun esp. teksto, montranta la signon de la ekspozicio (okulo).

### Lyon'a Foiro

La internacia foiro de Lyon denove eldonis tre artan libreton pri la nunjara foiro, dissenditan al ĉiuj Delegitoj de UEA kun la februara numero de nia gazeto. Plie ĝi eldonis reklamfolieton kun esp. teksto.

### Foiro de Paris

Tre plaĉa faldprospekto ruĝ-kaj brunkolore, arte aranĝita aperis antaŭ iom da tempo pri la foiro de Paris.

### Foiro de Budapest

3-12 Majo.

La nunjara foiro estas jubilea. Ĝi ekzistas jam 25 jaroj kaj fariĝis centra por meza kaj suda Eŭropo. Jam de kelkaj jaroj la estraro sukcese uzas nian lingvon kaj eldonas ĉiujare belajn prospektojn kaj afiŝojn. Por la Jubilea Foiro eldoniĝis tre belaj, arte kaj lukse presitaj faldprospektoj, koloraj dupaĝaj kalendaretoj tre amuzaj kaj belaj grandaj afiŝoj, ĉio en Esperanto. Demandante ilin de la Foiro rekte, oni bonvolu gratuli la estraron pro la daŭra intereso kiun ĝin havas por nia movado. Adreso: Internacia Foiro, Alkotmány u.8, Budapest V.

---

## Oni dankas

*** Okaze de mia ĉeesto en Salzburg mi renkontis mian unuan persistan konvinkanton kaj instruiston, S-ron Rudolf v. Lidl. Mi tre dankas al li lian afablecon kaj oferemon, lian penadon, agrabligi mian restadon. Koran dankon, mia senlaca samideano! — S. CIPERA.

*** S-ro M. Pätz kaj akompanintoj el Zittau ankoraŭfoje dankas S-ron Budenberger en Innsbruck pro afabla gvidado.

*** S-ro Inĝ. M. de Balzac, Delegito de UEA en Torino, dankas kore al S-ro Noever, Delegito de UEA en M. Gladbach, German., por efika kaj bone plenumita servo.

*** S-ro Fritz Lucas, DM de UEA en Chemnitz, kore dankas S-ron Saldanha Carreira, Delegiton de UEA en Lisboa por afable kaj akurate plenumita servo pri traduko de teknika prospekto en portugalan lingvon.

*** S-ro Haselbauer, Del. de UEA en Braunau am Inn, kun ses samlokaj samideanoj kore dankas S-ron Rudolf Lidl, Ano de UEA en Salzburg por afabla gastigado.

# Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Alba-Iulia* (Ruman.). — S-ino Emilia Szabó, Piata Mihai Viteazul 41, L, PI, k.ĉ.l.
*Alba-Iulia* (Ruman.). — F-ino Jenny Kohn, str. Libertátii 17, pri ĉiuj seriozaj kaj gajaj temoj, sed nur kun « Homoj ».
*Alba-Iulia* (Ruman.). — S-ro Rudolfo Rafael, str. Cálárasi, 15, L, PI, k.ĉ.l.
*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro N. A. Zilver, 95 Damrak, PM. Malakceptas bagatelaĵojn.
*Arad* (Ruman.). — S-ro Edmundo Zàray, str. Màràsesti 23, PM, k.ĉl. Nepre respondas.
*Bakov nad Jirezou* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Václav Nechvilla, komerca helpanto Konsum, PM. kun personoj kiuj respondas.
*Barcelona-Olot* (Hispan.). — S-ro José Ordinana, str. Rosendo Nobasm 17, 2-2a. PI, PM, kun Sovetio kaj Azio. Certe resp.
*Bordeaux* (Francujo). — S-ro Marly, 11, rue A. Baysellance, deziras korespondantojn por junuloj ĉe knaba lernejo.
*Bornhem* (Belg.). — S-ro Jos. Muys, advokato, esp. naciajn gaz. kontraŭ ekzempleroj de gazeto Flandra Esperantisto. Ne sendas unue.
*Brandys n. L.* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Zd. Prokop, PI, bfl., PM, 50-500 fot-aĵo.
*Bucuresti* 4 (Ruman.). — S-ro Jozefo Abramovici, str. Trinitátei 41, £ PI, PM kaj PK, k.ĉ.l.
*Bucuresti* 1 (Ruman.). — S-ro Josef Schechter, Internacia Agentejo Select, Calea Victoriei 48, interŝanĝas PM nur kun seriozuloj. Peradas ĉiuspecajn aferojn.
*Bucuresti* 1. (Ruman.). — S-ro Vasile Christu, studento, Str. C.A. Rosetti 7, « Revista Umanitarismul ». PI, L, ne PM.
*Bzenec* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Frederiko Kuhner, del. UEA, PM, PI precipe kun Turkujo, Oceanio kaj Oriento esp. kaj germ. Respondo garantiata.
*Cimislia* (Ruman.). — F-ino Dora Fridman, gimnazianino, 15 jara deziras korespondi kun ĉiulandaj esp-istoj.
*Cluj* (Ruman.). — F-ino Palma Damo, pentristino, p. a. Firma « Szenásy » comerciant de material de clàdit, Mànàstur 8, interŝanĝas artpk. kun ĉiulandaj pentristoj, deziras korespondi pri pentrarto.
*Cluj* (Ruman.). — S-ro D-ro Nikolao Pop, kuracisto, Calea Reg. Ferdinand No 42, PI kaj L, nur kun ekstereŭropanoj.
*Dresden A.* 28 (German.). — S-ro Günthel, Bonnerstrasse 27, PI, PM, k.ĉ.l.
*Fayoum* (Egipto). — S-ro Jadros Miggali, St. Bahr Anz, Ginenet el Hosary, kun gelernantoj en ĉ. l. L, PK, PI, PM, gaz. monerojn. Nepre respondos.
*Hateg* (Ruman.). — S-ro Bela Konkoly, jud. Hunedoara, komercisto, PM, PK, L, k.ĉ.l.
*Hodonín na Moravê* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Karel Brezina Slavíkova ulice, ĉinzovní dům, PM, PI, k.ĉ.l. Certe tuj resp.
*Hradec Králové* 135 (Ĉeĥoslov.). — S-ro R. Vejnar absolvinto de la industria lernejo PI, L, k.ĉ.l.
*Käsäter-Götlunda* (Sved.). — S-ro Sven Hellberg, PI, L,
*Jiĉin* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Miloŝ Brunclik, Barákova 206, serĉas koresp-antojn por siaj kursanoj. PM, PI, L. Certe resp.
*Kilifarevo* (Bulgar. Tirnovo). — S-ro Dimitr Bajĉev, L, PI.
*Konecchlumi u Jiĉina* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Václav Vitvar, instruisto, PI, bfl, k.ĉ.l. povas sendi fot-aĵojn kaj PI artekolorigitajn PI el tuta Ĉeĥoslovakio. Ĉiam respondos.
*Las Palmas* (Kanariaj Insuloj). — S-ro Jose Baez, Apartado 12, PM, k.ĉ.l.
*Liegnitz* (Germanujo). — S-ro Heinz Niepel, Grenadierstrasse 1, PI, L, kun gejunuloj en Anglujo, Nordameriko, Francujo, Belgujo, en angla kaj franca lingvoj. Kun Sudeŭropo en Esp. Certe resp.
*Los Angeles, Calif.* (Usono). — F-ino Julia Mayer, 3886 So. Harward Blvd. — Korespondos kun sportamantaj samideanoj, kaj kun tiaj kiuj eble vizitos la Olimpajn Ludojn en 1932. Estas oficistino ĉe la Olimpaj Ludoj Komitato.
*Lwów* (Polujo). — S-ro Rudolf Loster, Blonia Janowskie 29, PM sendu 150 de via lando kaj mi faros same.
*Mähr. Neustadt* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Franz Holeŝinsky, Del. de UEA, Müglitzergasse 45, PI, gaz. k.ĉ.l.
*Magdeburg* (Germ.) — S-ro Fritz Rockmann, Breiter Weg 216, konvenan korespondadon por 200 gelernantoj. k.ĉ.l.
*Malmö* (Sved.). — S-ro Harry Nilsson, Ehrensvärdsgatan 20-11, L, PI, gaz nur kun Sovetio. Certe respondos.
*Momina-Klisura* (Bulg., Pazarĝik). — S-ro Nikola Janev, instruisto, L, PI, kun gejunuloj ĉiulandaj.
*Nagykörös* (Hungar.). — S-ro Lászlo Fenyves, lernanto, Drogéria, PI, PM, k.ĉ.l.
*Nevrokop* (Bulg.). — S-ro Stiljan Karamanĉev, str. Mitropolit Ilarion 58, PI, L.
*Omaha-Nebr.* (USA). — S-ro R. J. Honomichl, 1421 So. 14 Street (rear), L, PI, k.ĉ.l. precipe kun Ruslando Suda Ameriko, Meksiko, Japanujo. Korespondas esp. angle ĉeĥe.
*Paredly p. Kopisty u Mostu* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Vladimir Chromy, PM, k.ĉ.l. escepte Aŭstrio kaj Germanujo.
*Piaoling* (Ĉinujo). — S-ro Juntan Li, Kaocheng, Ho-pei, L,
*Poznan* (Pol.). — S-ro Ivan Ĉerkavskyj, stud. med., ul Fredry 10, Coll. Medicum, L, PI, k.ĉ.l. precipe kun studentoj.
*Praha-VIII* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Miroslav Pleŝnít, Podlipného 943, PM, PI.
*Prostejov* (Ĉeĥoslovakio). — F-ino Vlasta Kubinová, Urĉicka 4, L., PI. Respondos ĉiam.
*Radeberg Sa.* (German.). — S-ro F. W. Mischke, redaktoro, PI, PM kun ekstereŭropanoj ĉiam respondos.
*Salonta* (Ruman.). — S-ro Andreo Toth, bankoficisto, 21 jara, Ekonoma Banko, PI, PM, bfl. kaj L kun la tuta mondo, pri diversaj temoj. Nepre respondos.
*Schkeuditz* (German., Halle). S-ro S. Kluge, Amtsgericht, PI.
*Sofia* (Bulgar.). — S-ro P. G. Pamporov, str. Opolĉenska 66, kun seriozaj samideanoj ĉ. l. pri religio, pedagogio, vegetarismo, pacifismo kaj okultismo. Nepre respondos.
*Târgu-Mures* (Ruman.). — S-ino Elingo Cretariu, str. Aliatilor 19 petas la samideanojn skribintajn al si, pardoni, ĉar estas neeble respondi al ĉiuj, pro ricevo de 500 L. kaj PI.
*Tarrasa* (Hispan.). — S-ro Enrique Salvador, Carretera de Rubi 127, PI, L, nur kun angloj.
*Tatar-Pazarĝik* (Bulgar.). — S-ro Eliezer Semov, 22 jara, Magazin Esperanto, L, PI, k.ĉ.l. Certe respondos.
*Tirnovo* (Bulgar.). — S-ro Ivan Nenkov, PM, PI, k.ĉ.l.
*Tirnovo* (Bulgar.).— S-ro Konst. Nicev, str. Maria Luiza, PI.
*Villafranca* (Italio, Veronese). — S-ro Attilio Zago, PI, bfl., L, pri ĉiu temo. Certe respondos.
*Völklingen* (Saar). — F-ino Hansi Salomon, Friedrichstrasse XI, 17 jara, L, PI, k.ĉ.l. Esp. france, angle. Nepre resp.
*Waidhofen an der Thaya* (Aŭstrio). — S-ro Herbert Kainz, Schadekgasse 3, PI, PM, nepre respondos.
*Weisskirchen a. Neisse* 143. (Ĉeĥoslov.). — S-ro Arturo Quaiser, PM, laŭ Michel 1930, k.ĉ.l. certe respondos.
*Zaragoza* (Hispan.). — Frateco, Esperantista Societo, Str. Roda 14 y 16 pral., kelkaj el la membroj k.ĉ.l. ĉiuj temoj.
*Zaragoza* (Hispanio). — S-ro Julio Mata, str. Pilar 17, 3ᵉ. L, PI, Gaz. ilustr., PM, k.ĉ.l. Ĉiam & rapide resp.

# Petoj kaj Proponoj

*Adreso petata.* — S-ino Rezi Domajnko en Jugoslavio bonvolu konatigi vian novan adreson. Letero revenis. Auguste Hoffmann, Neunkirchen, Sarr.

---

*Bulgara gimnazia profesoro*, pedagogo, deziras gvidi esp. kursojn en fremdlandoj laŭ la metodo de Andreo Ĉe. P. G. Pamporov, Opalĉenska 66, Sofia, Bulg.

---

*Filatelistoj.* — Vendas PM, servajn aerajn, bonfarajn. PK. Maŝinŝtampaĵojn, papermonon. S-ro K. Riess, Lauingen, Bayern, Clemensstrsase 6. (German.)

---

*Filatelistojn.* — Kiu volas ricevi 100-300 hungarajn PM sendu la saman kvanton al Czilczar Miklos, Szondy u.l. Szentes, Hungarujo.

---

*Gajnu monon per raportado.* — Mi serĉas por gazetoj: Koncizajn, streĉajn, interesajn raportojn pri okazintaĵoj, artikoletojn skizojn, anekdotojn, k.t.p. ĉiuspecajn, tradukitajn el negermanaj gazetoj en Esperanton. Mi pagos honorarion por taŭga kunlaboro. F. W. Mischke, redaktoro, Radeberg Sa.

---

*Kiuj deziras vidi Budapeston* dum la printempo, uzu la grandajn rabatojn — ankaŭ en najbaraj kaj proksimaj landoj! — de la Jubilea Foiro de Budapest, kiu okazos de 3-12-a Majo en granda kadro. Esperanto-aranĝoj, gvidadoj! Prospektoj, kalendaretoj, por grupoj afiŝoj ankoraŭ haveblaj ĉe la foiroficejo petu tuj: Budapest V., Alkotmány-utca 8. Hungarlando.

---

*Libertempon restadejon* dum Aŭgusto kontraŭ gastigo en bela Gigant-Montara urbo (Riesengebirge) serĉas ĉeĥoslovaka instruistino. Skribu baldaŭ al F-ino Tham, Hohenelbe 153.

---

*Studento de Politekniko* en Karlsruhe, German., servas interŝanĝon de leteroj kun gestudentoj de universitatoj kaj politeknikaj institutoj tutmondaj. Ladislaus Welward, Adlerstrasse 44-III, Karlsruhe i.B.

---

*Migrado tra Eŭropo.* — Kiu ŝatus migradi tra Eŭropo? Eble ankaŭ al la Kongreso en Oxford, bicikle aŭ piede? Junuloj precipe muzikantoj sqribu tuj al S-ano Hubert Reinisch, Grazbachgasse II/1, Graz, Aŭstrio.

---

*Poŝtmarkkolektanto*, ne komercisto, sendas 150 diversajn germanajn PM kontraŭ sendo de sama nombro de aliaj eŭropaj PM. Tute fidinda. J. Haamann, Capitelstrasse 6, Aachen, Germanujo.

---

*Superstiĉoj.* — Mi intencas komuniki superstiĉojn popolkutimojn el la tuta mondo. Ĉiu kiu konas kelkajn el ili, do mi petas insiste sendu al mi laŭ jena adreso. (Mi rekompensas per bela PI). Geza Berki, Delegito de UEA, Kir. Tábla, Debreczen (Hungarlando).

---



# Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro F. J. Gardiner, Ano de UEA 17216 en Wisbech, Angl., 7-2-30.

S-ro D. M. Barnicoat, Ano de UEA 10599 en Brighton, Anglujo.

S-ro Prof. Benedykt Dybowski, pola scienculo kaj amiko de nia celado, Lwów, Februaro 1930.

S-ro John Charles Auty, Ano N-ro 10544 kaj eksdelegito de UEA en Sheffield. Januaro 1930.

S-ro A. J. Adams, Hastings, Angl., Ano de UEA de ĝia fondo kaj regule kotizis kiel Subtenanto depost 1922, 85 jara, 8 Marto 1930. Speciale subtenis la movadon inter blinduloj kaj vizitis la unuan kongreson de Esperanto kaj poste sinsekve ĉiujn ĝis la Naŭa en Berno. Ĉe la tombo parolis en la nomo de la esperantistoj, sinjoro Boutwood, Delegito de UEA.

S-ro Alfred Pingriveaux, pioniro de nia movado en Limoges, Francujo 19. Februaro 1930, 54 jara.

S-ro Alphonse Levêque, Membro de UEA 31482 en Parizo, 7. Februaro 1930, 66 jara.

F-ino Evelyn M. Giles, Anino de UEA 13127 en Letchworth, 5. Januaro 1930, 53 jara.

S-ro Daniel Moreau, Malnova ano 14662 kaj Delegito de UEA en Romorantin (Loir-et-Cher, Francujo), 28 Jan. 1930, 57 jara.

S-ro D-ro John Buchanan, London, Membro de BEA al kiu li testamentis malavaran donacon, MA de UEA 20575 kaj ano de la Tutmonda Kuracista Asocio Esperantista, 27 Februaro 1930. Testamente dediĉis sumon de 4.000 funtoj sterlingaj al la Universitato en Liverpool por tutjaraj kursoj de Esperanto.

S-ino Elvira Orengo Camurri, patrino de samideano Inĝ. Rinaldo Orengo en La Spezia. Vigla kaj oferema esperantistino, gastama al samideanoj akceptitaj en sia hejmo, ŝi postlasas daŭran memoron al ĉiuj kiuj ŝin konis.

*Sinceran kunsenton!*

L'IMPRIMEUR-GÉRANT ; A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE